Praha 20. 2. 1951 • Roč. VI. • Číslo 2

# ESPERANTISTA

REVUO POR ESPERANTO EN ĈEĤOSLOVAKIO

Eldonas Esperanto-Asocio en ČSR, Praha II, Malá Štěpánská 7. – Redaktas Dr. Stan. Kamarýt

## Adolf Malík: Dva světy

Britská vláda svým brutálním zásahem proti obráncům míru ukázala jasně, v jaké žijeme době. Máme zde dva světy: svět míru a svět války, a podle toho musíme také řídit svou práci na poli esperantského hnutí. Esperantisté již přes šedesát let pracují pro myšlenku míru a nelze říci, že by tato práce nezapustila své kořeny. I rolník seje a sklízí úrodu. Připravil-li dobře půdu a zasel-li v pravý čas, sklízí bohatou úrodu. Na půdě špatně připravené ovšem osení zahyne. A nyní vyvstává otázka: připravili jsme vždy dobrou půdu, aby nám naše esperantské osení dobře zakořenilo a dalo úrodu? Myslím, že ne. Jak seli ti před námi? Jak připravovali půdu pro úrodu na poli esperantského hnutí? Většinou špatně, neboť ji nepřipravovali pro proletářský internacionalismus. Domnívali se, že když budou lidé hovořit jedním jazykem, pomůže to odstranit války, že se lidé budou víc milovat, že si nebudou závidět, že svět bude jedna rodina. Připravovali půdu pro kosmopolitismus a věřili, že jedině ten bude moci vnésti harmonii do soužití národů, a neviděli, či nechtěli vidět, že život je boj, v němž slabý má povinnost bránit se proti zvůli silného, že život je kolektivní obrana slabých a vykořisťovaných proti kolektivu vykořisťovatelů, jimž musí pracující celého světa vzíti z rukou výrobní prostředky a sami uchopiti otěže řízení svých věcí. Tak dlouho, jak dlouho bude míti mezinárodně organisovaný kapitalismus vládu nad výrobními prostředky, budou pracující lidé celého světa žíti ve stínu válek, protože války jsou dílem světového kapitalismu, který se nevzdá dobrovolně své moci a všemi prostředky pracuje a bude pracovati, aby se pracující lid nikdy nesjednotil, protože od toho okamžiku je konec kapitalistické moci nad světem.

Jakou obrovskou sílu má sjednocení pracujícího lidu, to nám ukázal lid sovětský a čínský, a tato síla také vskutku děsí kapitalisty v každé zemi, neboť tuší, že nastal soumrak kapitalismu. Slunce svobody národů, jež vzešlo na Východě, prudce září kapitalistům do vyděračských očí. Nesnášejí toto záření, a proto všemi silami se snaží, aby toto slunce Velké říjnové revoluce co nejdříve zašlo. Těšili se, že zajde zbraní německých nacistů, a zatím po slavném vítězství Rudé armády toto slunce vystoupilo ještě výše a paprsky svobody ukázaly cestu čínskému lidu, ale též mnoha dalším koloniálním a polokoloniálním národům. Svět míru našel mocnou oporu v Sovětském svazu, jemu věří, neboť tam slovo přátelství znamená zákon, a ten se musí plnit. Tam smlouva není cárem papíru. Ve slovo Stalinovo věří dnes již stamiliony bojovníků za mír. Že jsou mezi nimi desetitisíce pokrokových esperantistů, nemusím připomínat. To jsou ti, kteří připravovali půdu pro proletářský internacionalismus, to jsou ti, kteří připravovali půdu dobře, seli dobře a bohatě dnes sklízejí. To jsou všichni ti esperantisté, kteří ve své drobné denní práci pro esperanto promyšleně vedli spolky a kluby esperantistů k chápání idejí pokrokových, to jsou ti, kteří po léta bojovali proti pomluvám na Sovětský svaz, kteří vydávajíce pokrokový tisk a osobně

## Adolf Malík: Du mondoj

La brita registaro per sia kruda procedo kontraŭ la pacdefendantoj montris klare, en kia epoko ni vivas. Ekzistas du mondoj: la mondo de paco kaj tiu de la milito, kaj konforme al tio ni devas ankaŭ direkti nian laboron en la sfero de la Esperanto-movado. La esperantistoj jam dum pli ol sesdek jaroj laboras por la ideo de paco, kaj oni ne povas diri ke ilia laboro ne enradikiĝis. Ankaŭ terkulturisto semas kaj rikoltas grenon. Se li bone preparis la grundon kaj semis ĝustatempe, li ricevas riĉan rikolton. Sur grundo malbone preparita la greno nature pereas. Kaj nun aperas la demando: ĉu ni ĉiam preparis bonan grenon, por ke nia Esperanto-greno bone enradikiĝu kaj donu rikoltaĵon? Mi opinias, ke ne. Kiel semis niaj antaŭuloj? Kiel ili preparis la grundon por la rikolto sur la kampo de la Esperanto-movado? Plejparte malbone, ĉar ili ne preparis ĝin por la proletara internaciismo. Ili opiniis, ke, se la homoj parolos unu lingvon, tio helpos forigi la militojn, ke la homoj pli multe amos unu la alian, ke ili reciproke ne envios sin, ke la mondo estos kvazaŭ unu familio. Ili preparis la grundon por kosmopolitismo kaj kredis, ke sole ĝi povos enporti harmonion en la kunvivon de la nacioj, kaj ili ne vidis, aŭ ne volis vidi, ke la vivo estas batalo, en kiu malfortulo havas la devon defendi sin kontraŭ la arbitro de la fortulo, ke la vivo estas kolektiva defensivo de la malfortuloj kaj ekspluatatoj kontraŭ la kolektivo da ekspluatantoj, el kies manoj la laborularo devas forpreni la rimedojn de produktado kaj mem ekkapti la gvidrimenojn por povi direkti siajn aferojn. Dum la internacie organizita kapitalismo regos la rimedojn de produktado, la tutmonda laborularo vivos en ombro de militoj, ĉar la militoj estas verko de l'universala kapitalismo, kiu libervole ne rezignos sian potencon kaj ĉiarimede klopodas kaj klopodos, ke la laborularo neniam unuiĝu, ĉar ekde tiam finiĝus la kapitalista hegemonio en la mondo. Kiel giganta forto enestas en la unuiĝo de la laborularo tion montris al ni la popoloj sovetia kaj ĉina kaj tiu forto ankaŭ fakte timigas la kapitalistojn en ĉiu lando, ĉar ili antaŭsentas, ke venis krepusko de la kapitalismo. La suno de libereco de la nacioj, aperinta en Oriento, forte penetrigas sian brilon en la ĉantaĝemajn okulojn de la kapitalistoj. Ili ne povas elteni la brilon, kaj tial ili streĉas ĉiujn fortojn, por ke la suno de la Granda Oktobra Revolucio kiel eble plej rapide subiru. Ili ĝoje atendis, ke ĝin subirigos la armilaro de la germanaj naziistoj, kaj anstataŭ tio post la glora venko de la Ruĝa Armeo la suno leviĝis ankoraŭ pli alten, kaj la radioj de libereco montris la vojon al la ĉina popolo, sed ankaŭ al multaj pluaj koloniaj kaj duonkoloniaj nacioj. La mondo de l'paco trovis potencan apogon en Sovet-Unio, al kiu ĝi kredas, ĉar tie la vorto ‚amikeco' signifas leĝon, kaj tiun oni devas plenumi. Tie kontrakto ne estas ĉifeblo papero. La vorton de Stalin kredas hodiaŭ jam centmilionoj da porpacaj batalantoj. Ke inter ili troviĝas dekmiloj da

přesvědčující ukazovali neuvědomělým, kde má pracující člověk svoji záštitu, aby klidně a v míru mohl budovat svoji vlast. Proto je naše Esperanto-Servo dnes v celém světě vyhledávaným listem, protože ukazuje správnou cestu, kam jde vývoj a jak nutno bojovati proti světu války. Nechť se třesou váleční štváči, ale nechť se třesou všichni jejich přisluhovači a s nimi ošem kosmopolité, protože i oni svým kosmopolitismem, svou pasivitou ke zlu, napomáhají imperialismu, který v národech kosmopoliticky rozložených snadno vítězí a podmaňuje si je. Jen národy zdravé, milující svobodu, byť i malé, se ubrání imperialistickému tlaku a svoji svobodu si nakonec přece uhájí. Tak si ji uhájí také hrdinný lid korejský proti jakékoli přesile. Neuhájil by ji, kdyby byl národ zatažen do vod kosmopolitismu, kdyby pro samé světoobčanství zcela zapomínal na svou vlast. Vládli by mu cizáci, cizí a domácí kapitalisté.

Svět války miluje kosmopolitismus, protože to je opium pro neuvědomělé mozky, a proto ho také podporuje. V Americe je kosmopolitická organisace, mající přes 70.000 členů, a vláda USA ji trpí, protože slouží jako zbraň proti proletářskému internacionalismu, proti solidaritě pracujících celého světa. Je na vás, abyste se konečně rozhodli, zda chcete žít ve světě míru na basi proletářského internacionalismu, či ve světě války na basi kosmopolitismu. Jste-li upřímným bojovníkem za mír, jsem přesvědčen, že víte, kde je vaše místo.

progresemaj esperantistoj, mi ne bezonas rememorigi. Jen tiuj, kiuj preparis la grundon por la proletara internaciismo, jen tiuj, kiuj preparis la grundon bone, bone semis kaj hodiaŭ abunde rikoltas. Jen ĉiuj tiuj esperantistoj, kiuj en ĉiutaga etkvanta laboro por Esperanto celkonscie kondukis la esperantistajn societojn kaj klubojn al kompreno de progresaj ideoj, jen tiuj, kiuj dum multaj jaroj kontraŭbatalis la kalumniojn pri Sovet-Unio, kiuj eldonante progreseman gazetaron kaj persone konvinkante montris al la nesciantoj kie la laborulo havas sian egidon, por povi kviete kaj pace konstrui sian patrolandon. Tial nia »Esperanto-Servo« estas hodiaŭ bulteno serĉata en la tuta mondo, ĉar ĝi montras la ĝustan vojon, kien direktiĝas la evoluo kaj kiel oni devas kontraŭbatali la mondon de milito. Tremu la militprovokistoj, sed tremu ankaŭ ĉiuj iliaj asistantoj kaj kune kun ili nature la kosmopolitoj, ĉar ankaŭ tiuj per sia kosmopolitismo, per sia pasiveco kunhelpas la imperiismon, kiu en la kosmopolite dializitaj nacioj facile venkas kaj subigas ilin. Sole nacioj sanaj, liberecamaj, eĉ se malgrandaj, sukcesos rezisti la imperiistan premon kaj sian liberecon ili fine tamen tutsavos. Tiel tutsavos ĝin ankaŭ la heroa popolo korea kontraŭ ĉia ajn superforto. Tio ne okazus, se oni entrenus la nacion en la ondojn de kosmopolitismo, se ĝi pro nura mondcivitaneco forgesus sian patrolandon. Regus ĝin fremduloj, la ekster- kaj enlandaj kapitalistoj. La mondo de milito amas la kosmopolitismon, ĉar tiu estas opio por nesufiĉe konvinkitaj cerboj, kaj tial ĝi ankaŭ subtenas ĝin. En Usono ekzistas kosmopolita organizaĵo nombranta pli ol 70.000 membrojn, kaj la usona registaro toleras ĝin, ĉar ĝi servas kiel armilo kontraŭ la proletara internaciismo, kontraŭ la solidareco de la tutmonda laborularo. Estas via afero fine decidiĝi, ĉu vi volas vivi en la mondo de paco surbaze de la proletara internaciismo, aŭ en la mondo de milito surbaze de kosmopolitismo. Se vi estas sincera porpaca batalanto, mi estas konvinkita, ke vi scias, kie troviĝas via ĝusta loko.

---

**Samideanoj!** Ni liveros al vi dum jaro 1951 la gazeton multe pli ampleksan ol ni povis en jaro pasinta. Neniu ĉesu esti membro kaj ĉiu klopodu varbi pluajn novajn membrojn! Precipe niaj lokaj grupoj klopodu pligrandigi nombron de siaj membroj. Agu rapide kaj konsekvence! Diru al ni, kio al vi en nia organo plaĉas kaj kio ne plaĉas. Ni klopodos utili al vi ĉiuj.

La redakcio.

---

# J. Stalin: Al kelkaj problemoj de la lingvoscienco

(Respondo al k-dino E. Kraŝeninnikova.)

Kamaradino Kraŝeninnikova! Mi respondas viajn demandojn.

Unua demando. En via artikolo estas konvinke montrite, ke lingvo estas nek bazo nek superkonstruaĵo. Ĉu estus korekte konsideri lingvon fenomeno propra kiel al bazo, tiel ankaŭ al superkonstruaĵo aŭ ĉu estus pli korekte konsideri lingvon fenomeno, kiu estas inter la ambaŭ?

Respondo. Kompreneble, ke al lingvo kiel al socia fenomeno estas propra tio komuna, kio estas propra al ĉiuj sociaj fenomenoj inkluzive bazon kaj superkonstruaĵon, kaj nome: ke ĝi servas al la socio same kiel al ĝi servas ĉiuj ceteraj sociaj fenomenoj, inter ili la bazo kaj la superkonstruaĵo. Sed per tio propre ankaŭ elĉerpiĝas tio komuna, kio estas propra al ĉiuj sociaj fenomenoj. Kaj komenciĝas gravaj diferencoj inter sociaj fenomenoj. Temas pri tio, ke sociaj fenomenoj havas krom tio komuna siajn specifajn specialaĵojn, kiuj ilin reciproke diferencigas kaj kiuj estas por la scienco plej gravaj. Specifaj apartaĵoj de la bazo kuŝas en tio, ke la bazo servas al la socio ekonomie. Specifaj apartaĵoj de la superkonstruaĵo kuŝas en tio, ke la superkonstruaĵo servas al la socio per politikaj, juraj, estetikaj kaj aliaj ideoj kaj ke tiuj ideoj kreas por la socio konformajn politikajn, jurajn kaj aliajn instituciojn. En kio kuŝas do specifaj apartaĵoj de lingvo, kiuj ĝin diferencigas disde la aliaj sociaj fenomenoj? Ĉu kuŝas en tio, ke lingvo servas al la socio kiel rimedo de interhoma rilato, kiel rimedo por interŝanĝo de pensoj en la socio, kiel rimedo, kiu al homoj ebligas reciproke interkompreniĝi kaj enkonduki komunan laboron en ĉiuj sferoj de homa agado, samtiel en regiono de produktado, kiel en sfero de ekonomiaj rilatoj, samtiel en sfero de politiko, kiel en sfero de kulturo, samtiel en la publika vivo, kiel en la vivmaniero. Ĉi tiuj apartaĵoj estas propraj nur al lingvo kaj ĝuste tial, ke ili estas propraj nur al lingvo, estas lingvo objekto de studo por memstara scienco — la lingvoscienco. Sen ĉi tiuj lingvoapartecoj perdus la lingvistiko rajton je memstara ekzisto. Pli koncize: lingvon eblas envicigi nek en kategorion de la bazoj, nek en kategorion de la superkonstruaĵoj.

Eĉ ne eblas envicigi ĝin en kategorion de »interfenomenoj«, kuŝantaj inter la bazo kaj la superkonstruaĵo, ĉar tiaj »interfenomenoj« ne ekzistas. Sed ĉu oni povus eble envicigi lingvon en kategorion de produktfortoj de la socio, en kategorion, ni supozu, de produktiloj? Efektive, inter lingvo kaj la produktiloj ekzistas ia analogio: la produktiloj same kiel la lingvo vidigas siaspecan inertecon al la klasoj kaj povas egale servi al diversaj sociklasoj, ĉu malnovaj, ĉu novaj. Ĉu estas ĉi tiu cirkonstanco motivo por tio, ke lingvo estu envicigata en kategorion de produktiloj? Ne, ĝi ne estas. Iam N. J. Marr, kiam li vidis, ke lia formulo »lingvo estas superkonstruaĵo super la bazo« — renkontas kontraŭdirojn, decidiĝis »aliorientiĝi« kaj proklamis, ke »lingvo estas produktilo«. Ĉu pravis N. J. Marr, kiam li

envicigis lingvon en la kategorion de produktiloj? Ne, nepre li ne pravis. Temas pri tio, ke simileco inter lingvo kaj la produktiloj elĉerpiĝas per analogio, pri kiu mi ĵus parolis. Sed kompense ekzistas inter lingvo kaj produktiloj esenca diferenco. Tiu ĉi diferenco kuŝas en tio, ke la produktiloj produktas materiajn bienojn kaj la lingvo produktas nenion, aŭ »produktas« nur vortojn. Pli precize dirite, homoj, kiuj havas produktilojn, povas produkti materiajn bienojn, sed la samaj homoj, havante lingvon, sed nehavante produktilojn, ne povas materiajn bienojn produkti. Ne estas malfacile kompreni, ke se lingvo povus produkti materiajn bienojn, la babilaĉuloj estus la plej riĉaj homoj en la mondo.

*

D u a d e m a n d o. Marx kaj Engels difinas lingvon kiel »senperan realaĵon de penso«, kiel »praktikan... realan konscion«. »Ideoj« — diras Marx — »ne ekzistas aparte disde la lingvo.« Ĝis kia mezuro laŭ via opinio devus la lingvoscienco okupiĝi pri la sensa flanko de lingvo, pri semantiko kaj historia semasiologio kaj stilistiko, aŭ ĉu estu objekto de lingvoscienco nur la formo?

R e s p o n d o. Semantiko (semasiologio) estas unu el gravaj konsistaĵoj de la lingvistiko. Senca flanko de vortoj kaj esprimoj havas grandan signifon ĉe lingvostudo. Tial oni devas al semantiko (semasiologio) en lingvoscienco certigi apartenantan lokon. Sed ĉe dislaborado de semantik-problemoj kaj aplikado de ĝiaj indikoj oni povas neniel trotaksi ĝian signifon kaj des pli oni ne povas ĝin misuzi. Mi celas kelkajn lingvistojn, kiuj lasante sin super-mezure forporti per semantiko malrespektas lingvon kiel »senperan realaĵon de penso«, kiu estas nedisigeble ligita kun la pensado, ili deŝiras pensadon disde la lingvo kaj asertas, ke lingvo finvivas sian epokon, ke oni povas helpi sin ankaŭ sen lingvo. Aŭskultu vortojn de N. J. Marr: »Lingvo ekzistas, nur dum se ĝi manifestiĝas en sonoj; procezo de pensado trapasas ankaŭ sen esprimado... Lingvo (sona) komencis nun jam transdonadi siajn funkciojn al plej novaj inventoj, kiuj absolute venkas la spacon, kaj la pensado ascendas de sia, en pasinteco neeluzita, riĉo kaj de siaj novaj gajnoj alten, kaj eble devas forigi kaj plene anstataŭi lingvon. Estonta lingvo — estas pensado, kreskanta en tekniko, senigita je natura materio. Antaŭ ĝi povas pruviĝi taŭga neniu lingvo, eĉ ne sona, kiu estas ĝuste ligita kun normoj de la naturo« (vidu »Elektitajn verkojn« de N. J. Marr). Se ni tradukas ĉi tiun galimation de »laboro kaj magio« en simplan homan lingvon, poste ni povas veni al konkludo, ke: a) N. J. Marr forŝiras la pensadon disde la lingvo; b) N. J. Marr supozas, ke reciprokan rilatadon inter homoj oni povas efektivigi eĉ sen lingvo, helpe de sola pensado senigita je »natura materio« de la lingvo, senigita je »normoj de l'naturo«; c) N. J. Marr, ŝiras pensadon for de la lingvo kaj »liberiginte« ĝin de la lingva »natura materio«, li enfalas en ŝlimon de idealismo. La pensoj laŭdire estiĝas en la kapo de homo pli frue, ol ili estas esprimitaj per lingvo, estiĝas sen lingva materialo, sen lingva ŝelaĵo, tiel dirite, en nudigita aspekto. Sed tio estas absolute malĝusta. Kiaj ajn pensoj, kiuj ekestas en la kapo de homo, povas ekesti kaj ekzisti nur baze de lingva materialo, baze de lingvaj terminoj kaj frazoj. Nudigitaj pensoj senigitaj de lingva materialo, senigitaj je lingva »natura materio«, ne ekzistas. »Lingvo estas senpera realaĵo de penso« (Marx). La realeco de la penso manifestiĝas en la lingvo. Nur idealistoj povas paroli pri pensado, nekunligita kun »la natura materio« de la lingvo, pri pensado sen lingvo. Pli koncize: trotaksado de semantiko kaj ĝia misuzado alkondukis N. J. Marr al idealismo. Sekve, se ni gardos semantikon (semasiologion) de trograndigo kaj misuzado tiaspeca pri kiuj kulpas N. J. Marr kaj kelkaj liaj »disĉiploj«, povas semantiko alporti al la lingvoscienco grandan utilon.

*

T r i a d e m a n d o. Tute rajtigite vi parolas pri tio, ke ideoj, imagoj, moroj kaj moralprincipoj de burĝoj kaj proletoj estas rekte antipodaj. Klasa karaktero de ĉi fenomenoj senkondiĉe evidentiĝis sur la semantika flanko de lingvo (kaj iam eĉ sur ĝia formo — el la vortprovizo — kiel estas ĝuste dirite en via artikolo). Ĉu estas eble ĉe analizo de konkreta lingva materialo kaj antaŭ ĉio de la senca flanko de lingvo paroli pri klasa esenco de la per ĝi esprimitaj nocioj, precipe en tiuj kazoj, kiam temas pri lingva esprimo ne nur de penso de homo, sed ankaŭ pri lia rilato al la realaĵo, kie precipe klaresprime manifestiĝas lia klasa aneco?

R e s p o n d o. Pli koncize dirite, vi volas scii, ĉu la klasoj influas la lingvon, ĉu ili enportas en la lingvon siajn specifajn vortojn kaj esprimojn, ĉu okazas kazoj, ke homoj atribuas al unu-samaj vortoj kaj esprimoj malsaman sencan signifon laŭ la klasa aneco? Jes, la klasoj havas influon je la lingvo, enportas en la lingvon siajn specifajn vortojn kaj esprimojn kaj iam malsame konceptas tute samajn vortojn kaj esprimojn. Pri tio oni ne povas dubi. Sed el tio ne rezultas, ke specifaj vortoj kaj esprimoj samkiel la diferencoj el la semantiko povas havi grandan signifon por evoluo de sola tutnacia lingvo, ke ili kapablas malfortigi ĝian signifon aŭ ŝanĝi ĝian karakteron. Unue, da tiaj specifaj vortoj kaj esprimoj, kiel ankaŭ da kazoj de diferencado en la semantiko, estas tiom malmulte, ke ili apenaŭ faras unu procenton de la tuta lingva materialo. Sekve ĉiu cetera plejparta maso da vortoj kaj esprimoj, kiel ankaŭ ilia semantiko, estas komunaj por ĉiuj klasoj de la socio. Due, specifajn vortojn kaj esprimojn, havantajn klasan nuancon, oni uzadas en la lingvo ne laŭ reguloj de ia »klasa gramatiko«, kiu en realeco ne ekzistas, sed laŭ reguloj de gramatiko de ekzistanta tutnacia lingvo. La ekzisto de specifaj vortoj kaj esprimoj kaj la fakto, ke en la semantiko de la lingvo troviĝas diferencoj, do ne refutas, sed male konfirmas ekziston kaj neceson de unusola tutnacia lingvo.

*

K v a r a d e m a n d o. En via artikolo vi taksas tute ĝuste Marr'on kiel vulgariganton de la marksismo. Ĉu tio signifas, ke la lingvistoj, inter ili ankaŭ ni, la junularo, devas forĵeti ĉiun lingvistan heredaĵon de Marr, kiu tamen ja havas vicon da valoraj lingvosciencaj esploraĵoj (pri ili skribis en diskuto k-doj Cikobava, Sanĝejev k. a.)? Ĉu ni povas, alpaŝante al Marr kritike, malgraŭ tio preni el li tion, kio estas en li utila kaj valora?

R e s p o n d o. Kompreneble, verkoj de N. J. Marr konsistas ne sole el eraroj. N. J. Marr kulpiĝis pri plej krudaj eraroj, kiam li enportadis en la lingvosciencon elementojn de marksismo en torde ŝanĝita formo, kiam li provadis krei memstaran lingvoteorion. Sed N. J. Marr havas kelkajn bonajn kaj kun talento skribitajn verkojn, kie, forgesinte siajn teoriajn ambiciojn, li konscience, kaj necesas diri lerte, esploras unuopajn lingvojn. En tiaj verkoj ni povas trovi ne malmulton valoran kaj instruan. Estas kompreneble, ke ĉi tio valora kaj instrua de N. J. Marr devas esti prenata kaj uzata.

*

K v i n a d e m a n d o. Multaj lingvistoj konsideras unu el la ĉefaj kaŭzoj de stagno en la soveta lingvoscienco la formalismon. Mi tre ŝatus koni vian opinion pri tio, en kio konsistas formalismo en lingvoscienco kaj kiel ĝin venki?

R e s p o n d o. N. J. Marr kaj liaj »disĉiploj« akuzas pro »formalismo« ĉiujn lingvoscienculojn, kiuj ne partoprenas la »novan instruon« de N. J. Marr. Tio ja estas neserioza kaj nesaĝa. N. J. Maar konsideris gramatikon malplena »formalaĵo« kaj la homojn, kiuj konsideras gra-

matikan strukturon lingvofundamento, formalistoj. Tio jam estas plene malsaĝa. Mi pensas, ke »formalismon« elpensis al si la aŭtoroj de la »nova instruo«, por faciligi al si la batalon kontraŭ siaj antagonistoj en la lingvoscienco. La kaŭzo de stagno en soveta lingvoscienco ne estas »formalismo«, inventita de N. J. Marr kaj liaj »disĉiploj«, sed la arakĉejeva reĝimo kaj la teoriaj peketoj en la lingvoscienco. La arekĉejevan reĝimon kreis la »disĉiploj« de N. J. Marr. Teorian konfuzon enportis en la lingvosciencon N. J. Marr kaj liaj plej proksimaj kunlaborantoj. Por ke ne estu stagnado, necesas likvidi tion kaj la alion. Likvido de ĉi tiuj abscesoj sanigos la sovetan lingvosciencon, elgvidos ĝin sur larĝan vojon kaj ebligos al la soveta lingvoscienco okupi unuan lokon en tutmonda lingvistiko.

La 29 an de junio 1950.

Tradukis Jiří Kořínek.

*

Adolf Malík: **Venkos la paco!**

La fortojn ĉiujn por la pac'
mi uzas jam dum jaroj
kaj kontraŭ militmalsagac'
mi frontas nur per faroj.

Jen vidu: milit-preparad',
la mortuzinoj en parad'!
Ĉi tiuj planoj estos for,
ni pacovolon en ĉi hor'
altrudos, kaj popola juĝ'
ne estos antaŭ puno fuĝ',
ter' iĝos de feliĉ' rifuĝ'.

Kaj ĉie estos pac'
kaj ĉie estos pac'!

Kun Stalin marŝi nia em'
liberaj sen kateno,
kaj paco, homa diadem'
rebrilos en sereno.

Murdantojn sur Korea ter'
senigos ni de la esper',
senigos plene de potenc',
sun' kontraŭ nokta dekadenc'.
Kaj punos ilin juĝa ver'
kaj kantos gaje tuta ter',
kaj kantos gaje tuta ter'.

Do ĉiuj al la paca front'
kaj ne ekzistu hezitont'!

Ja glore venkas pac',
ja glore venkos pac'!

El manuskripto tradukis Jan Havran.

Petr Bezruč: **Tri riveroj**

Staras lulilo sur bordo,
floroj ĉirkaŭe milvice,
flustras al revoj kaj fluas
sub alnoj: O p a v i c e.

Flugu juneco altege,
ruĝon sur vangoj, kaprice
kuras ĉevalo sovaĝa
sub Frýdek: O s t r a v i c e.

Venis vespero. Paliĝas
vivokandelo. Malice
tempon antaŭan riproĉas
sub Hradec: M o r a v i c e.

El la ĉeĥa tradukis Rud. Hromada.

*

Jiří Wolker: **La honto**

Sur bordo sudmara okazis dum verdaj marondoj
sin franĝis arĝentafelpe kiel nuptolit'
kaj sur ĝi tag' sunbruna plena de vivfontoj
nokton en brakojn prenas arde kun aminvit'.

Jen kuŝis en sabla or' knabinoj, virinoj,
korpoj brilantaj kiel diamant' el ringo,
brakoj el blanka ŝaŭm', el ondoj brust' kaj sinoj,
brulante sub okuloj kaj avidrigarda trinko.
Al ili kiel bele honton pro bela brust' ne bridi
dum harojn taŭzis kaj robon levis ventfervor',
jen kiom ĉarmis trezorojn ribelemajn kaŝi for,
vangruĝi ekmature kaj ekvidi:
pro tio belas tiom honto,
ke ĝi donac' plej bela estos ja por kara kor'.

Kaj en ĉi tiu lando,
kie korp' iĝas violon' kaj vespere sub oranĝgirlando
sur senso-kordoj kvin la stelaj fingroj scias ludi
pri sano, feliĉo kaj amo, —
— en tiu ĉi lando mi duoble malgaje vin devis apudi,
malsanulin'.

Sur bordo vi staris tremante pro tus',
mortpala pro honto, kiam la robon levis vent'.
Por kovri estis nenio, terura, ho, sent',
ke estis ne koksoj, nek mamoj en bluz',
nur hont',
terura alia hont', vangruĝe ne brulanta,
sed mortule pala, kvazaŭ vi estus portanta
survange du pestotombojn en kalk-hidrat'.

Tiam ŝajnis al vi, ke eble estas pek'
makuli la teron de l'sataj kaj sanaj per via ĉeesto.
Kapon vi metis al ripoj elstaraj por fleg' —
kaj sur ĉi floso najlita el via ostara korp-resto
vi aliloken fore foren volis foriri,
al land' malproksima, kie virin' ne devas honti
ke vanas al ŝi
pri amo, feliĉo,
infanoj sopiri.

El la ĉeĥa tradukis Jiří Kořínek.

Koloman Kalocsay:

## La Mesaĝo de Nazim Hikmet

Poeto Nazim Hikmet sidas
por tridek jaroj en karcer'...
La muroj ĉirkaŭ li mucidas,
la sunon li neniam vidas
inter fenestra krad' el fer'.

Jen sian plej dolĉkantan filon
Turkujo tenas en obskur',
domaĝas al li la sunbrilon,
domaĝas al li eĉ skribilon.
Li skrapas versojn sur la mur'.

La skrapo muron ja ne fendas...
Tamen skrapeton post skrapet'
li ungas: per la ungoj plendas.
Mesaĝon per la ungoj sendas
el sia tombo la poet':

»Alaŭdoj, kiuj en libero
vin svingas kante al ĉiel',
memoru en la blua sfero
de via ĝojo pri l'sufero
de mi: alaŭdo en la kel'!

Unu la mond'! kaj ĉies fato
estas eĉ unu sklavo-sort'!
La mondon trafas ĉiu bato,
kiun eĉ unu kantistfrato
suferas pro la justa vort'!

Malsanas ĉiu ĝoj' de l'tero,
dum ie turk', hispan', aŭ grek',
aŭ ajna birdo de l'libero,
bardo luktanta por la vero
baraktas kun ŝtopita bek'!

Naĝantoj de la firmamento,
do miksu triston al la tril',
kaj per kadencoj de lamento
funebru, ke mi en turmento
devas vegeti sen sunbril'!

Ho Nazim Hikmet, skrapu, skrapu,
obstine skrapu sur la mur',
kaj la obtuza bruet' eskapu,
kaj kiel tondro ĝi disfrapu,
la mond' ĝin eĥu per murmur',

ĝin portu alaŭdoj al la alto,
ĝin tintu infana voĉ-arĝent',
zumzumu bas', rukulu aldo,
ĵaztamburistoj en ekzalto
tamburu al la Okcident':

»Unu la mond'! Kaj ĉies fato
estas eĉ unu sklav-sufer'!
Malsanas ĝoj', dum turmentato,
liber-aspira kantistfrato
la muron skrapas sub la ter'!«

Kalocsay Kálmán:

## Poselství Nazima Hikmeta

Má Nazim Hikmet, tvůrce písní,
let třicet prožít v žaláři;
kol něho stěny tuchnou plísní
a v okně mříž mu obzor tísní
a denní svit mu nezáří.

Tak sladkých zvuků koryfeje
zem Turků v temnu drží teď,
kde slunko naň se neusměje —
ba ani psát mu nedopřeje,
a on své stesky ryje v zeď.

Sic vrypem zeď se neprorazí,
on k vrypu vryp však přirývá
a verš svůj nehtem do zdi sází,
a nehtem ryje svoje vzkazy,
jsa v kobce pohřben za živa.

»Vy skřivánci, co pod nebésy
svou svobodou jste nadšeni
a zpíváte si v dálce kdesi,
vy na skřivana vzpomeňte si,
jenž úpí v chmurném sklepení!

Ne o jednoho nevolníka,
tu o svět celý běží přec:
ten osud kdekoho se týká,
když pěvec, druh váš, za to pyká,
že spravedlivou hájil věc.

Tak všeho světa slast se kalí,
když vězněn Turek, Španěl, Řek,
jenž bránil pravdy ideály —
toť ptáče, jemuž volnost vzali,
a sevřeli mu zobáček!

Vy, plující tam po blankytu,
teď smutek družte k trylkům svým,
a jen se vžijte do mých citů,
jak slunečního zbaven svitu
zde o samotě živořím!« —

Kéž Nazim Hikmet neotálí
a dál jen ryje v stěnu,
a tlumený ten šelest stálý
kéž rozlehne se v šíř i v dáli
a rozehřívá ozvěnu!

Nechť skřivánci tu zprávu pějí,
nechť stříbrem zvoní dětský hlas,
a bas i alt nechť roznese ji,
nechť bubny čím dál vzrušeněji
i v západ bubnují ten vzkaz:

»To světa celého se týká
a blaho všech je v sázce teď:
to pro básníka-mučedníka,
jenž za zpěv o svobodě pyká
a v kobce žal svůj ryje v zeď!«

El esperanta originalo tradukis Miloš Lukáš.

Ni represas la poemon de Kalocsay el Literaturo Mondo 1949 kun la traduko de Lukáš: unue por ebligi komparon de du eminentaj poemoj, due pro esprimi nian kontenton pri la fakto, ke la plumo ne estas armilo sen iu ajn potenco.

Por liberigo de la arestita poeto Hikmet pledis verse kaj proze aro de verkistoj. Depost decembro 1950 li estas libera. Ĝoju poetoj kaj fidu al vi!

Ivo Štuka:

# La laborsturma grupo de Miska batalas

Ĉiam ankoraŭ ŝajnas al iu, ke formortas herooj kaj dramoj, ĉar li ne kapablas ilin rimarki, kvankam li povus hodiaŭ vidi ilin je ĉiu paŝo, socialistajn heroojn kaj batalojn. Aŭskultu draman rakonton pri granda lukto, en kiu temis ne pri morto, sed pri vivo, kaj juĝu mem.

Jaroslav Miska estas ne tre alta, blondhara kaj lentughava junulo, plurangula kiel tubero. Lia patro estis ministo, la multbranĉa familio estas interligita kun la minista profesio, kaj la tri kaj duonjara Milanĉjo, kiu obstakle petolas ĉirkaŭ la piedoj de Miska, ankaŭ asertas tute serioze: »Paĉjo, mi fariĝos ministo.«

Ŝakto. La konciza vorto Jaroslavon ravis jam ekde lia infanaĝo, ĝis fine ĝi fariĝis la centro de lia vivo. Kiel dekkvinjara bubo li komencis en la jaro trideksesa labori en la minejo »Triunuo« kaj ĝis sateco ekkonis la »plezuron« el porsinjora penado. Tiutempe komenciĝis por li granda lukto, kaj tial hodiaŭ, malgraŭ ke en liaj okuloj brilas gaieco, lian buŝon ĉirkaŭas rigoraj sulkoj. Kaŝiĝas en ili senkompata sperto.

En la kvindeka jaro la multturmentita regiono de Ostrava forĵetis la malame malserenan mienon kaj komencis kolekti fortojn por libera vivo. Miska laboris konstante en »Triunuo« kiel helpanto, de unu laboro li transiris al alia kaj lernis penetri en ĉiujn misterojn de la minejo. De maljuna ministo, bonega fakulo, la alirilate neparolema strangulo Lištván, Jaroslav kolektis spertojn. Kiel estas necese en la fingropintoj mem eksenti la ecojn de la plafono; kiel estas necese profiti la tavolformecon de la karbo kaj deigi ĝin per la bormartelo kvazaŭ tortopecon; kiel oni povas venki ĉiaspecajn ŝrumpaĵojn kaj teknikajn barojn, kiel superruzi kaj estri la naturon. Ĉion ĉi Jaroslav zorge konservis en sia memoro kaj sciis, kiel li utiligos tion. Lištván dediĉis atenton al la lernema helpanto kaj Miska fariĝis memstara ministo. Jam tiutempe, en la jaro kvardekkvina, li kelkfoje ĉion plene preparis kaj faris plurajn staĥanovaĵojn por pruvi, ke oni povas elminigi kvanton pli grandan. La ministoj ĵetadis al li rigardojn kaj opiniis, ke la buba kaprico forpasos. Ĝi ne forpasis.

Ŝajnis, kvazaŭ la kvardekoka jaro ekblovus fajrereton, el kiu elflagris flamo. La minejdistrikton traflugis sciigo, eksplodema kiel bombo, ke Bořucký en la minejo »Jeremenko« fondis la unuan laborsturman ministan grupon. Miska, kiu estis tiutempe jam minfosa ĉeflaboristo, ne volis toleri la parolojn de sia junulara grupo, kaj kune kun Miloš Novák, kiu reprezentis la junularon en la uzina konsilantaro, li komencis ataki la estraron de la uzino. Ili volis fondi laborsturman grupon kaj superatuti la knabojn el »Jeremenko«. Ili kontraŭluktis la nekomprenon de l'estraro, ili rebatis la atakojn de la ministoj, sed en novembro la laborsturma grupo, la dua en la minejdistrikto, estis fine fondita. Kaj ili montris al la ceteraj, kiel aspektas vera laboro. En la una monato ili laboris je 145 procentoj, en la naskiĝotago de la Ĉefministro ili atingis eĉ rezulton 250 procentan. Ilia laborsturma grupo ricevis la nomon de Antonín Zápotocký. Ĝi cedis eĉ ne unu metron. Miska enŝaktiĝis jam je la tria anstataŭ je la sesa horo matene kaj subsulkis tutan muron, por ke laboro estu preparita por la ceteraj; ĉiutage malsuprenveturis kun li iu el la laborsturmuloj, kaj la du restis en la ŝakto eĉ 12 aŭ 16 horojn. La edzino kun la novnaskito hejme sidis kvazaŭ orfe, sed Miska kutimis diri: »Havu komprenon por la afero, nun ĉio devas cedi flanken, kaj la sturma grupo devas sukcesi. Ĝi devas montri la vojon. Devas!« Kaj ĝi montris. En la sekva monato ĝi pliigis la rezulton al 170 procentoj, poste al 180, al 200, al 220, kaj la ciferoj kreskis. La asocianoj*) denove lernis, organizis pli bone sian laboron kaj ne cedis. La laborsturmula movado en la minejdistrikto plivastiĝis, plifortiĝis, kaj oni jam kredis jeĝi. En la pasinta jaro la sturma grupo de Miska trifoje plifirmigis sian normalon, kaj samtempe plialtiĝis la perlaboraĵoj. Ĝi salte atingis la unuan lokon en la tuta regiono.

En la ĉi-jara majo subite venis insida bato, kvazaŭ tranĉilpiko el post la dorso. Kelke da kanajloj en la »Triunuo«, kiuj volis reguligi sian personan konton kun Miska kaj samtempe faligi la fortiĝantan sturmulan movadon, kaŝe preparis malnoblaĵon. Ili provis kredigi al la ministoj, ke la tuta sensacia sturmulmovado estas blufo, ke Miska kaj ties grupo nur enspezas kolosajn monsumojn por malbona laboro. Ili frapis la plej falsan, sed la plej bruan tamburon. »Atentu nur, kian sumon perlaboras la nazofluuloj, kaj kiel oni salajras vin, maljunajn ministojn!« Ili dissemis en la minejdistrikto malkonfidon. Subobservadon. Kaj poste ili aligis al la grupo de Miska pli multajn vagonetojn, ol kiom al ĝi apartenis; misŝance ili aranĝis la aferon tiel mallerte, ke ĝi devis frapi ĉies atenton. Tamen la ministoj lasis sin kapti, kaj la grupo de Miska kelkfoje apenaŭ eskapis el la uzino senvunde. En la minejdistrikto aŭdiĝis voĉoj: »Se Miska estas trompisto, tiukaze la ceteraj sturmuloj nepre ankaŭ!« Sed la asocianoj-laborsturmuloj ne konfuziĝis, sciante, ke ili pravas. La afero vekis atenton eĉ ĉe la superaj instancoj, ĝis fine la mensogo devis sin elŝovi. Poste la ministoj, unu post alia, vizitis la grupon de Miska, kiam ĝi laboris, restis tie momenton, rigardis, kiel la junuloj procedas, kaj kraĉante ili honeste konfesis sian bedaŭron pri la fakto, ke ili mem stulte estis kredintaj malveraĵon. Miska nur ridis dirante, ke post sia reveno el la kazerna servo li laboros ĉie ajn kaj kun ĉiu ajn kaj montros al ĉiu, kiel oni povas pliigi la rezulton.

El la soldata servo li revenis kun plano, kiel ankoraŭ plifirmigi la normalon kaj samtempe perlabori ankoraŭ pli grandan sumon. Juna teknikisto, la inĝeniero Záškodný, komence kontraŭstaris asertante, ke lia metodo ne estas taŭga, ke pri ĝi ne ekzistas normoj, kaj tiel plu. Disputo okazis ankaŭ ĉe la centra direktoro de la minejoj de Ostrava kaj Karviná, sed poste la juna inĝeniero fervore havigis al si sovetiajn fontojn, trastudis ilin kaj konstatis, ke la metodon de Miska oni tie jam delonge praktikas, kaj kian normalon oni tie destinas. Li pricerbumis la aferon kun la tuta sturma grupo, ili faris harprecizan prikalkulon de la laboro, kaj tiel naskiĝis la D-normalo, normalo kompleksa, la plej rigora en la tuta Respubliko. La sturma grupo en la daŭro de unu laborperiodo minfosas karbon, faras la ĉarpentaĵon kaj ankoraŭ translokas la porkarbajn glitkanalojn, kion oni normale faris dum tri laborperiodoj. Ĉe perfekta kunlaboro kaj plenuzo de la tempo la afero estas bone plenumebla.

La ministoj denove ridegis: »Se vi, vi malpurnazuloj, ĉi tiel perlaboros por unu laborperiodo ducent kronojn, ni orumos al vi la manojn!« En la »Triunuo« montriĝis granda intereso pri la nova labormetodo, ĉiuj venis scivole rigardante kaj anticipe ridis. Poste ili silentiĝis. La sturma grupo superplenumis la kompleksan normalon al 180 procentoj, kaj ĉiu perlaboris 420 kronojn por unu laborperiodo. Ĉi-foje ridis la asocianoj, invitis la nekredemulojn al si kaj praktike priargumentis sian aferon. Ili diris: »Kiam en nia minfosado okazos tri laborperiodoj kun kompleksa normalo, ni trifoje en unu tago minfosos kaj faros la transmeton, kaj ni donos tiom da karbo, kiom alie en tri tagoj. Prezentu al vi la saman aferon en la tuta ŝakto. Kaj en la tuta minejdistrikto — ĉu vi komprenas, kian kvanton tio signifos?«

Post nelonge eksvarmis nova sturma grupo kun la D-normalo, poste la tria, kaj nun ekzistas jam dudek tiaj, kaj ilia nombro konstante kreskas. Kelkaloke ili eĉ pliperfektigis la metodon kaj superis la bazon de Miska.

La minejo »Triunuo« superplenumas la mobilizan planon. La laborsturma grupo de Miska ege kontribuas al tio —

*) A s o c i a n o = membro de Ĉeĥoslovaka Asocio Junulara. (Rim. de la trad.)

kaj subite venas katastrofo. Oni konstatis nekonatan naturdifekton en la vejnaro, centtridekmetra muro mallongiĝis al nur sepdekmetra. Kion fari? Neniam ili fiaskis, la mobilizan planon oni devas plenumi eĉ malgraŭ la duona dimensio de l'muro! En la junulara laborsturma grupo flagras granda ardo de amo kaj samtempe de ties malo; de amo al nova infanvartejo, al kooperativaj kampoj vaste etendiĝantaj kaj al la propra, libera laboro; de malamo al barbaraj bombardaviadiloj kaj al intervenaj tankoj. »Do responde al la minacoj pri atombombo, sinjoro Truman, ni la duonan muron malplenigos ĝis duobla profundo, ĝis tri metroj kaj nur poste ni faros la transmeton!« Oni provu ĵetadi karbon en kvardekkvincentimetra kavaĵo ĝis trimetra distanco en glitkanalojn. Nefacile oni povas tion fari, sed la sturma grupo de Miska kaj la tuta minejo »Triunuo« plenumas kaj superplenumas la mobilizan planon. Kontraŭ la morto, kiun predikas vi, sinjoro Truman, por la vivo!

Kaj Miska meditas: »Sekve de interveno de la Ministro Kliment ni ricevis novan maŝinon. Surĉarigilon. Per ĝi ni denove plikvantigos la elminigadon. Normale daŭras la translokado de la glitkanaloj, tubaro kaj apoga ŝtiparo unu tutan laborperiodon, ni faras tion antaŭ paso de du horoj. Nun en mia kapo naskiĝas ideo, ni pridiskutos kaj realigos ĝin — kaj ni faros la transmeton en daŭro de unu horo. Nenio povas haltigi nin.«

Gardu vin, sinjoro Truman: tiaspeculoj marŝas kontraŭ vin. Ili konscias, por kio ili batalas, kaj en sia granda batalo por la vivo ili venkos.

El la ĉeĥa Miloš Lukáš.

## Kion ni deziras de ĉeĥoslovakaj esperantistoj

Same kiel ĉiuj decidoj venas de malsupre el vicoj de la laboranta klaso por finfine esti aplikotaj de la registaro kaj ĝiaj oficejoj, ankaŭ la decido pri Esperanto devas veni de malsupre el la vicoj de la popolamaso! Sekve de tio ĉiu esperantisto, kiu atendas kun la manoj en la poŝo ĝis la registaro decidos, estas malbona esperantisto, ĉar li mem estas jam konscia kaj konvinkita pri la valoro de Esperanto, sed tamen li mem faras nenion por ties universala akcepto. Disvastigado de iuj ideoj ne estas tiel simpla afero, kiel multaj el niaj vicoj opinias. Necesas senlaca kaj pena laboro. Ofte ni devas renkonti rifuzon eĉ mokon. Sed se mi estas konvinkita pri la praveco de mia ideo, nenio povas min malkuraĝigi kaj mi devas persiste kaj taktike antaŭeniri al mia celo! Vidu la batalojn por la ideoj kristanismaj, katolikaj, socialistaj kaj fine komunistaj kaj vi konvinkiĝos, ke ĉiuj tiuj ideoj devis nepre trapasi sian batalon ĝis la fina venko. Saman batalon trapasas Esperanto. Ju pli konsciaj kaj kleraj estos niaj soldatoj aŭ apostoloj, des pli frue ni sukcesos atingi la venkon.

Bedaŭrinde, nek en la granda Sovet-Unio, nek en la nove naskitaj popoldemokratiaj landoj ĝis nun naskiĝis tiaj esperantistoj, kiuj kapablus ideologie kaj klaskonscie apliki kaj propagandi inter la neesperantistoj nian lingvon. Pleiparte la esperantistoj uzas Esperanton kiel personan amuzilon por kolekti fotojn de siaj gekorespondantoj, interŝanĝi p. m. kaj p. k. il. k. t. p. Kaj tiuj ĉi esperantistoj precipe estas tre mirigitaj, ke iliaj registaroj ankoraŭ ne akceptis kaj ne aplikis Esperanton. Vole nevole, en tempo de grandiozaj sociaj renversoj kaj ŝanĝoj, la registaroj kaj ĝiaj reprezentantoj devas tian aplikadon de Esperanto rigardi skeptike kaj vidi en ĝi ne nur sensencaĵon, sed eĉ malhelpilon al propagando de multe pli gravaj problemoj.

Kion do necesas fari por ŝanĝi tiun ĉi situaciojn? Unue ni esperantistoj devas ei nia propra forto plifortigi nian movadon. Tion ni atingos nur tiam, kiam ni praktike uzos Esperanton por servi al la socialista movado kaj por garantii tutmondan pacon. Ni fariĝu perantoj de interrilatoj de diversnaciaj organizoj kaj grupoj. Ni skribu raportojn pri la vivo en nia lando por eksterlandaj gazetoj kaj male por la niaj. Ni aranĝu ekspoziciojn pri la bataloj de la laboristaro en la ankoraŭ kapitalistaj landoj, kaj sendu ekspozician materialon el nia lando eksterlanden. Ĉiam kaj ĉiuokaze apliku Esperanton praktike en la servo de socialismo kaj paco. Kolektu la pruvojn pri tiu ĉi laboro kaj montru ilin al skeptikuloj. Baldaŭ vi vidos la rezultojn de via laboro. Faru samtempe paroladojn pri la laboristaj batalo kaj vivo en eksterlando dum viaj partiaj kunvenoj kaj vi akiros ne nur aplaŭdon pro via parolado sed samtempe aplaŭdon por Esperanto. Se ni ĉiuj aplikos tiun ĉi amasan metodon de propagando en ĉiuj kunvenoj kaj ĉiuj lokoj de nia lando, devos la registaro vole nevole pripensi la aferon de internacia lingvo kaj baldaŭ ni renkontiĝos ankaŭ kun favora decido. Rudolf Burda.

## NOVAJ LIBROJ

Tiu ĉi nomaro estas mia ĉiujara kutima suplemento al listoj pri lastaj novaj verkoj. Dankeme mi akceptos plurajn kompletigojn de ili.

N a c i l i n g v a j  t r a d u k o j.

**El la angla:** Universala Deklaracio de Homaj rajtoj, 8 paĝoj; **el la bulgara:** Konstitucio de Popola Respubliko Bulgario (tradukis M. Conkovski), 24 p.; Hristo Smirnenski: Tra la ventego (Assen Grigorov, Atanas Lakov kaj aliaj), 80 p.; Ivan Vazov: Vagabondoj (Ivan Kovačev) 112 p.; **el la finna:** V. Setälä: Burĝonoj, 80 p.; la sama: Lumo kaj ombro, 126 p.; **el la germana:** Louis Vetter: la 13-a mortis (H. Borschert), 191 p.; St. Zweig: Brulanta sekreto kaj aliaj rakontoj (K. R. kaj P. E. Schwerin), 159 p.; **el la hebrea:** Ŝalom Alejĥem: Al ĉiuj egale (M. Salzmann), 26 p.; **el la hungara:** L. Kassak: La vojoj estas nekonataj (L. Spierer), 177 p.; **el la japana:** S. Tokunaga: Malsato en riĉa rikolto (Kojiro Nakagaki), 46 p.; Zinno o Sjootoo Ki (K. Nohara), 208 p.; **el la sanskrita:** La Sukhavativjuho — Budha sankta skribo (K. Nohara), 24 p.; **el la sveda:** Th. Odhe: La konsumkooperado kaj la ekonomia vivo de Svedujo (S. Engholm), 20 p.

O r i g i n a l a j  v e r k o j.

a) **Cezaro Rossetti:** Kredu min, sinjorino, 250 p.; **James D. Sayers:** Invito al ĉielo, 206 p.; **F. Szilágyi:** Inter Sudo kaj Nordo.

b) **M. A. Teixeira de Freitas:** La Nova Erao, 26 p.; **M. van der Hagen S. J.:** Kie estas la Eklezio de Kristo? (2-a eldono), 132 p.; **M. v. d. Horst:** Tutmonda Junular-Organizo, 16 p.; **Kiu** estas kiu inter nord-amerikaj esperantistoj? (3-a eldono), 122 p.; **D-ro Ivo Lapenna:** Retoriko, 215 paĝoj, **A. J. Sinclair:** Kio estas Rotario-Klubo?, 10 p.

L e r n i l o j.

**F. Baronnet:** La Langue Universelle Esperanto, 192 p.; **Brikisto:** Esperanto (2-a eldono), 88 p.; **D. T. Connor:** Connor Course; **F. Faulhaber:** Tra la labirinto de la gramatiko (5-a eldono), 350 p.; **F. Vl. Lorenz:** Esperanto sem mestre, 240 p.; **D-ro W. Manders:** Interlingvistiko kaj Esperantologio, 77 p.; **C. A. Pruissen:** Komercaj leteroj, 63 p.; **Nenjo Rimanto:** ABC-libro, 16 p.; **G.-Streidt:** Esperanto-Lehrbuch für Fortgeschrittene, 77 p.; **Wilhelm kaj Hans Wingen:** Esperanto in der Tasche, 234 p.; **C.-B. Zondervan:** Vortoj ksj esprimoj por komencantoj, 70 p.; **Daniel Quarello:** Komplementoj de l'verbo, 32 p.

V o r t a r o j.

**Fulchor kaj Long:** English-Esperanto Dictionary, 346 p.; **Elisabeth kaj H. Gronborg:** Dansk-Esperanto Ordbog, 387 p.; **Kawasaki-Naokazu:** Enciklopedieto de kulturaj vortoj de Esperanto (2 volumoj) 257 p.; **Ragn. Rian:** Esperanto-Norsk Ordbok, 174 p.

K a n t a r o j.

H. W. kaj N. Holmes: Komuna kantlibro (represaĵo 1947), eldonis The Esperanto Publishing Co, 64 p.; Ni kantu kaj deklamu! (eldonis F. L. E. en Amsterdam), 111 p.

Adresaroj, jarlibroj.

H. Steiner: Tutmonda Adresaro de esperantistoj, 154 p.; Jarlibro de UEA - 1950, I-a parto 247 p., II-a parto 67 p.; Almanako 1950 de Universala Ligo, 178 p.

Nacilingvaj propagandiloj.

**Angla:** The World Interlanguage 16 p.; **germana:** D-ro Artur Bormann: Nieder mit den Sprachenschranken! 16 p.; **hispana:** Manuel Fernandez Menendez: El Esperanto en opinion de hombres eminentes y diversos Hechos, 2-a eldono, 32 p.; la sama: Valor educativo del Esperanto, 40 p.; **holanda:** Esperanto de wereldhulptaal, 16 p.

Verkoj de ĉeĥaj esperantistoj.

**Marie Majerová:** Urbo sub signo de fajro (tradukis B. Vlčková), 27 p.; **Esperantista Poŝkalendaro 1950** (eldonis Esperantista Klubo en Hradec Králové).

**Ing. L. Krajíc:** Učebné texty z esperanta (ciklostilita), 29 p.; **J. Šupichová:** Esperanto v kostce (manuskripto), 20 p.; **B. Smetana:** Vendita fianĉino (D-ro T. Pumpr kaj D-ro J. Fousek), 15 p.; **A. Dvořák: Najado** (D-ro T. Pumpr), 27 p.; **Teksto de kantoj** prezentitaj dum Esperanto-Kongreso en Brno (R. Hromada, J. Kořínek, M. Lukáš, D-ro T. Pumpr, D-ro S. Schulhof, D-ro F. Vaněk), 20 p.

J. Šupichová.

# KRONIKO ENLANDA

**Japanaj sindikatanoj salutas sindikatanojn ĉeĥoslovakajn.** »Ligo de Sindikatoj de Ŝin-Daido Seiko« en Nagoya skribis la 15-an de aŭgusto 1950 al Asocio de dungitoj de la metalindustrio en Škoda-uzinoj en Plzeň sekvantan leteron (en la japana kaj en Esperanto):

»Ni japanaj laboristoj tutkore salutas vin, kiuj brave luktas por la mondpaco kaj feliĉo de la popolo. Ni esprimas al vi sincerajn respekton kaj dankon pro via grandioza laboro.

Nun internaciaj monopolemaj kapitalistoj kaj ties adeptoj, kiuj ege timas unuiĝon de progresema potenco en la mondo, vane klopodas sin savi farante hombuĉadon kaj forrabante liberon de ni, kiel mortonta sovaĝa besto furiozas.

En Japanio reakciuloj, kies ĉefo estas Joŝida Ŝigeru, klopodegas konservi sian regadon super la popolo, subpremante progresemajn partiojn, organizaĵojn kaj sindikatojn. Policistoj, kiuj estas armitaj per bastonoj kaj revolveroj, sub instrukcio de Joŝida, piedpremas fundamentajn rajtojn de popolo unu post la alia — liberecon por parolo, eldonado, societiĝo, kunveno kaj ideo. Ili jam igis konstitucion, kiu garantias tiujn ĉi rajtojn, nur malvalida papero. Ni citas unu ekzemplon: Ni japanaj laboristoj intencis okazigi pacan kongreson por defendi la mondpacon, la 15-an de aŭgusto, la memortago de la militfiniĝo. Sed Joŝida kaj liaj adeptoj malpermesis tian kongreson, kiu estis okazigonta laŭ la vera senco de la konstitucio. Plie ili arestis pacamantojn, kiuj sekrete okazigis Pacan Kongreson. Malpermesi tian kongreson de pacamanta popolo signifas, ke oni ne rajtas agi kontraŭ milito. Alivorte, japanaj reakciuloj intencas denove meti Japanion sub faŝismon kaj maltrakviligi pacon de la mondo.

Nun ni volas informi vin pri nia striko:

La 16-an de junio 1950 ni, 3000 laboristoj de Ŝin-Daido Seiko, vekiĝis kaj strikis por defendi nian vivon. Kaj ni ricevadis varman subtenon de ĉiuj laboristoj en la tuta lando. Kontraŭ tiu ĉi striko mobilizis malamikoj 600 armitajn policistojn, dungis strikrompantojn kaj tiel ili piedpremis per siaj kotoplenaj ŝuoj strikrajton de laboristoj, kiun garantias la konstitucio. Krom tio kapitalisto, kiu kunligiĝas kun ŝtata aŭtoritato, maldungis 20 laboristojn, kiuj plej brave luktas dum la striko kiel sindikat-kadroj, kaj intencis kulpigi 20 membrojn de la Centra Strik-komitato antaŭ kriminala tribunalo.

Ni tamen sentime daŭras lukti kontraŭ furioza agado de reakciuloj.

Karaj kamaradoj ĉeĥoslovakaj!

Ni atendas varman kuraĝigon de vi, kiuj jam konas la veran staton de japanaj laboristoj luktantaj kontraŭ reakcia potenco en malbonaj kondiĉoj.

Ni japanaj laboristoj elkore esperas, ke vi sukcesos en via klopodo konstrui pli riĉan kaj pli feliĉan socion, kaj ke vi ankoraŭ pli energie luktos por la mondpaco.

Vivu ĉeĥoslovaka laboristaro!

Vivu popolo en la mondo!

Kontraŭ milito: senkondiĉa malpermeso de atombombo!

Subskribis prezidanto Oonîŝi Akira.«

Sekretariejo de le uzina grupo de Revolucia Sindikata Movado (ROH) en Škoda-uzino en Plzeň respondis al la japanaj kamaradoj per letero el la 23-a de decembro 1950 en la ĉeĥa kaj en Esperanto (tradukon verkis k-do R. Burda). En la letero estas dirite inter aliaj:

»Same kiel niaj popularaj Škoda-maŝinoj, verko de niaj laboristoj kaj teknikistoj, famigis nian landon, tiel same venkas kaj venkos nia komuna granda ideo de socialismo sur la tuta terglobo.«

**Li Laŭjon,** ĉina verkisto, eldonis en 1950 ĉinajn tradukojn el eŭropaj poetoj, kiujn li faris el esperantlingvaj tradukoj publikigitaj en la Antologioj aŭ gazetoj. Rezultis imponanta libro sur 246 paĝoj titolita »La juĝo« laŭ unu poemo de Petőfi, kies bildo ornamas la kovrilon. Enestas 15 poemoj el Sovetio, 6 poemoj el Hungario, 16 el Bulgario, 6 el Ĉeĥoslovakio, 2 el Rumanio, 2 el Greklando, 6 el Turkio, 4 el Francio (Louis Aragon), po unu el Nova Zelando, Hispanio, Anglio, Usono. Ĉiuj poemoj redonas la firman kredon de la verkintoj al daŭra progresado de la homaro kaj al ebleco de la tutmonda paco. El le ĉeĥaj estas »enĉinigitaj«: Ministo (Bezruč), Maryčka Magdon (Bezruč), Kaj ribela vento hurlas (Sova), Nekonata soldato (Halas), Matias Sanktulo (Pánek), En iaroj militaj (Píč). La belaspektan libron ni ricevis de nia membro Karel Kraft en Příbram, al kiu ĝin sendis la aŭtoro, lia korespondanto. La libro estas plua pruvo pri kunlaborado de progresemaj esperantistoj.

**Marioneta teatro de prof. Skupa en Praha** ricevis esperantlingvan salutan leteron de japana marioneta sceno PUK (»Marioneta Klubo«) subskribitan de sekretario Jaso Tanaka. La letero krome deklaras, ke la kamaradoj el PUK solene devontigas sin batali kontraŭ nova faŝismo, kiu intencas konstrui en orienta insularo pulvo-stokejon. La kamaradoj batalos por la paco helpe de iliaj marionetoj kaj ilia plej ŝatata pulĉinelo Pujiik simile kiel batalas la ĉeĥoslovakoj helpe de siaj Hurvínek kaj Prokouk. Kun la letero estis senditaj multaj japanaj fotografaĵoj, afiŝoj kaj aliaj presaĵoj. Ĉiuj pacodefendantoj ĝojas pro tiaj decidoj de kamaradoj en fora oriento.

**La donackestetoj el Plzeň,** pri kiuj ni skribis sur p. 4-a, atingis jam la japanajn adresitojn kaj s-o R. Burda ricevas jam dankajn leterojn el Japanujo. Ofte enestas kortuŝaj vortoj kaj edifantaj sciigoj. Pri la enhavo de la kestetoj vidiĝas ĝenerala kontento. »La nutraĵoj, kiujn mi trovis en viaj pakaĵoj estas neofte troveblaj por ni en niaj magazenoj, kaj eĉ kiam oni vendas ilin tie ĉi, ili estas importaĵoj el Usono kaj por ni neatingeblaj, multkostaj por ordinaraj japanoj.«



*Donackestetoj por japanaj pacdefendantoj arestitaj, kiel ili estis ekspoziciataj en Plzeň antaŭ forsendo en Japanion. Vidu nian raporton sur p. 4!*

Sed la idea flanko superas. »Mi hontas sen merito akcepti tian valoran pakaĵon, sed ĉar vi jam honorigis min per tia donaco, mi ne povas ne fariĝi ankoraŭ pli senlaca kaj pli kuraĝa batalanto por la paco.« — »Diru al viaj amikoj en via urbo, ke viaj afablaj donacoj bone atingis min en la lando malproksima kaj ege ĝojigis kaj helpis unu familion vivantan plej malfacile en neagrablaj vivkondiĉoj. Jes, ne nur mi mem, sed ankaŭ mia plej malgranda fileto Takusi neniam forgesos vian solidaran helpon.« — »Mi kredas, ke ĉiuj el la adresitoj jam ricevis la sendaĵon, ĉar kamarado Tadsuji Fuse, prezidanto de Nippon Rono Kyuen Kai, bone tion prizorgis kaj informis nin per cirkulero. K-do H. Nakamura ankaŭ jam ricevis la sendaĵon, li diris tion al mi dum hazarda renkontiĝo antaŭ tri tagoj. K-do Yoŝimotao nun kuŝas en hospitalo, mi supozas, kiom li estos ĝojigita ricevinte la sendaĵon.« — »Mi devas konfesi, ke ricevinte vian sciigon pri la sendaĵoj mi estis surprizita trovinte en la nomaro inter la adresitoj multajn unuagradajn eminentulojn de nia proletaro, ne sciante, ĉu mi meritas ricevi la sendaĵon aŭ ne. Ĉu viaj samurbanoj scias, kiaj homoj estas inter la adresitoj? Ĉu ili scias, ke k-do Ikuo Oyama estas la prezidanto de la japana porpaca komitato tutmonda kaj senatano, kiun ni progresemuloj en Kioto-distrikto elektis kiel nian kandidaton antaŭ unu jaro? Ĉu vi scias, ke k-do Tadsuji Fuse estas la plej granda advokato en nia laborista movado, kiu dum lastaj 30 jaroj plej energie refutadis akuzajn paroladojn de prokuroroj antaŭ tribunaloj por defendi arestitajn revoluciulojn? Ĉu vi scias, ke k-do Nakano estas unu el la plej eminentaj verkistoj proletaj, el kies verkoj kelkaj estas tradukitaj en vian lingvon?« — »Jes, mi ĵuras, ke mi des pli energie laboros por socialismo kaj por la mondpaco, nun minacata de la imperiistoj, instigite kaj kuraĝigite de viaj kamaradaj helpoj.«

La cititajn frazojn ni prenas el leteroj de Hideo Nakamura (Kyoto-fu) kaj de Tokio Sasaki (Kioto). Pluaj leteroj el Japanujo venas. Ni ankoraŭ raportos pri ili resumante la ricevitajn informojn kaj sciigante pri sortoj de la arestitoj. En tiu ĉi numero ni enpresas bildon de la kestetoj antaŭ forsendo.

**»Esperanto-Servo«,** la 12-a numero el decembro 1950, havas duoblan amplekson kaj kiel ĉiam estas plena de artikoloj kaj informoj sciindaj por fremdlandanoj. Batalo por paco, batalo kontraŭ militprovokantoj estas denove la suba tono kiu estas daŭre aŭdebla, dum vi legas la diverstemajn artikolojn. Nepre ne forgesu sendi tiun ĉi numeron al viaj korespondantoj. Ili akiros tre utilajn sciindaĵojn, certe multaj legos kun envia miro ekzemple la artikolon »La produktado serĉas homojn«. — Krom tiu ĉi regula numero aperis en decembro »Speciala eldono« ankaŭ 4-paĝa, dediĉita komplete al batalo por la paco kun la devizo »Pacon al la homa gento« kaj kun la bildo de la Picaso-Kolombo. Jam simpla sendo de tiuj du numeroj al via amiko en eksterlando estas porpaca faro. Ne hezitu, batalu amase!

**Paco, paco!** Ĉu povas esti dirata tiu ĉi vorto tro ofte? Neniam! »Kultura Revuo« en sia numero el 1-a de januaro en artikoloj de Dr K. Rosenbaum, Dr Zd. Bokesová, Prof. J. Mudroch. vidigas kiamaniere batalas por paco slovaka literaturo, slovakaj muzikkomponistoj, slovakaj belartistoj. Ĉiuj interesatoj en fremdlando ricevados senpage tiun ĉi revuon petinte pri tio (Októbrové nám. 12, Bratislava).




Titulní list japonské revue esperantské, propagující Karlovy Vary.

En ĉs gazetoj daŭre aperas informoj kaj artikoletoj pri Esperanto-okazintaĵoj. En bulteno de banloko Karlovy Vary, Lázeňský časopis Karlovarska, aperas ofte esperantlingvaj artikoloj de MUDr Fr. Vaněk pri balneologia kuracado, dusemajna gazeto filatelista Československá filatelie (18.000 abonantoj) publikigas depost sia 21-a n-ro el 1950 E-anguleton, en Nedel'a estas inter bildoj de ilustritaj novjaraj poŝtkartoj diverslingvaj ankaŭ du kun esperantlingva teksto, Život en decembra numero enhavas en rubriko »7 foje el historio-kalendaro« bildon de Zamenhof.

**Esperanto-Muzeo en Trenčín** inaŭgurita la 21. V. 1950 dum regiona kunveno de SES estas instalita en unu ĉambro de la urba muzeo. La ĉambro situas tiel, ke ĉiu vizitanto de la muzeo devas ĝin trapasi. Inaŭgurante ĝin la konservisto de la muzeo prof. Pozdišovský (ne-esperantisto) emfazis la grandan signifon de Esperanto kaj esprimis deziron, ke ĉiu esperantisto veninta en la urbon vizitu tiun ĉi muzeon, kiu estas unusola en ĈSR. Ni tre rekomendas sekvi tiun afablan inviton. La ĉs poŝto stampis tiam la poŝtaĵojn per speciala nuligilo.

**Regiona konferenco de la XI-a regiono en Olomouc** kunvenigis al la antaŭkonferenca programa vespero sabaton la 6-an de jan. 450 partoprenantojn, plejparte ne-esperantistojn, kiuj estis tre kontentaj pri la programo, en kiu membroj de la Olomouc-teatro Stan. Gažarová, Miloslav Ježíšek kaj Vladimír Ott prezentis deklamojn kaj kantojn (inter ili du esperantlingvajn) kaj samideano L. Rýznar iluziaĵojn sorĉistajn. Al la laborkunveno dimanĉon je la 10-a horo kunvenis 40 p. el 13 lokoj. Ĉefa raportanto estis Asocia vicprezidanto Rud. Hromada el Praha. Laŭ ekzemplo de aliaj organizaĵoj oni nun proponas, ke lokaj grupoj esperantistaj aliĝu en entreprenajn kulturajn klubojn de Revolucia Sindikata Movado (ROH), aŭ al distriktaj kleriĝaj kunularoj (okresní osvětové besedy) aŭ kiel memstaraj kluboj ĉe ROH. Tiel esperantistoj eniĝos en unuecan organizon kulturan. La konferenco ankaŭ esploris la rezulton de la E-propaganda agado de la Distrikta kleriga kunularo en Olomouc, sukcesan finiĝon de la E-kurso kaj novan akiran kampanjon. Pri la konferenco raportis Nová Politika (en Olomouc 10. I.) kaj Morava (en Olomouc 11. I.).

**En regionoj de Altaj Tatroj kaj Žilina** gvidis multajn kursojn por plenkreskuloj kaj por lernejanoj en lernejoj Ĉe-metoda instruisto Karlo Šolc. Li estis de la aprilo ĝis oktobro 1950 instruisto de Slovaka Esperanto-Instituto en Turč. Sv. Martin kaj instruis en T. Sv. Martin, Vrútky, Sučany, Turč. Teplice, Klášter p. Zn., Liptovský Sv. Mikuláš, en Svit - kolegio kaj en Žilina, en T. Sv. Martin ankaŭ en gimnazio kaj en mezaj lernejoj knaba kaj knabina. La redakcio de »Esperantisto Slovaka« (oktobro 1950) adiaŭas kaj dankas lin amike emfazante lian allogan instru-metodon, sindonon al nia afero, personan sincerecon, per kiuj li fariĝis tre populara kaj ŝatata inter slovakoj, kaj esperas, ke li iam revenos inter slovakajn esperantistojn.

# NI LEGIS

**Akademio de Esperanto.** Laŭ cirkulero de Akademia Prezidanto Ir. J. R. Isbrucker el januaro 1951 estis elektitaj kiel direktoroj de Sekcio por Gramatiko D-ro W. Lippmann, kaj de Sekcio por la Ĝenerala Vortaro G. Waringhien. — En la Pariza kunveno de Akademianoj ĉeestantaj en la kongreso raportis la prezidanto, ke venas multaj proponoj krei novajn sekciojn. Ni rigardas tiajn proponojn malutilaj kaj konsilas komenci jam laboron por daŭrigi difinojn de la oficialaj radikoj kaj de ilia gramatika karaktero.

**Pri influo de naciaj lingvoj al lingva evoluo de Esperanto** ni tradukas el »Etymological Studies« de M. C. Butler en British Esperantist (nov.-dec. 1950) sekvantajn observojn: »Multaj rasoj kaj lingvoj influis evoluon de Esperanto. Ni povas rimarki sekvantajn periodojn: S l a v a (vivo, libereco; sed neregulaĵoj, troa uzo de »ad« kaj »ek«); S v e d a (konservo de la lingvo, kiam ĝi estis minacata per malfavoraj cirkonstancoj); F r a n c a (stabiligo de gramatika uzo, sed tendeco al rigideco); G e r m a n a (esploro kaj erudicio, sed longaj kunmetitaj kaj komplikaj frazoj tendencantaj al pezeco kaj malklareco); H u n g a r a (la »Budapesta skolo«, brila literatura stilo sed tro libera uzo de neologismoj kaj kelkaj gramatikaj strangaĵoj); O r i e n t a (profundaj gramatikaj studoj, puŝo al reguleco, simpleco kaj limigo en neologismoj). Ĝis lastaj jaroj influo de la a n g l a lingvo estis malgranda. Ni en Britlando alcentrigis nin al organizado kaj propagando kaj al financa subteno de la movado — kaj ne unusole en nia lando! Sed en lingvaj aferoj ni estis eble tro modestaj — tro inklinaj subtaksi gravecon de nia vidmaniero, ĉar ĝi ja estas la nia kaj ni volas esti internaciaj. Sed antaŭ nelonge eventoj prenis alian direkton. Ni estas nun en periodo de angla influo (kompromisoj, praktika prudento). Sed pendolo povas oscili tro malproksimen. Aliaj nacioj komencas protesti kontraŭ fortega alfluo de nebezonaj anglismoj, kaj tiu voĉo devos esti aŭdata.

Esperanto akiris sian forton el diversaj fontoj. Sed neniam ĝi estis superakvita de iu, nek perdis sian propran spiriton. Estas vero, se oni diras, ke nuntempe Esperanto havas pli internacian karakteron ol iam antaŭe. Tamen estas ĉiam eble, ke politikaj aŭ aliaj cirkonstancoj (ekz. ekzisto de potenca publikiga firmao en Francujo, Hungario, Nederlando, Germanujo aŭ Anglujo) povus plifortigi ioman nacian aŭ personan influon, se oni ne gardus kontraŭ tia danĝero.«

La prilingvaj artikoloj de s-o Butler estas ĉiam tre legindaj kaj meritas plej grandan atenton. En tiu ĉi artikolo ni krome legis kontente, ke la klera aŭtoro citas kun aprobo artikolon de K. Píč pri Neologismoj el nia revuo en 1949.

**»L'Esperanto«** oficiala organo de la Federacio Esperantista Italia (Via Saluzo 44, Torino), komencis denove aperadi en bele presitaj ampleksaj dumonataj kajeroj plejparte itallingve. Ni ĝojas pro tiu pruvo de reviviĝo de la movado en Italio sed same egale ni ĝojas pro la vigleco, kiu estas sentebla el ĉiuj linioj de la numero julio-aŭgusto, kiun ni legis.

**Artikolon de R. Rossetti** pri lia »Eŭropa migro« dum julio 1949 kun lia edzino tra Ĉeĥoslovakio, Hungario, Aŭstrio en The British Esperantist el januaro 1950 ni legis nur nun. Tamen ni enskribas ĝin por rememorigi la agrablajn horojn, kiujn pluraj el ni travivis kun tiuj simpatiaj geedzoj.

**»Nova Fronto«** titolas nova organo de Japana Esperantista Asocio (JEA Tokio, Hongo-Motomaĉi 1—18, Japanio). Monate kvar paĝoj ĵurnalformaj en Esperanto kaj japanlingve. En numero el julio 1950 ni legis tre impresan kolekton de represaĵoj »La mondo en leteroj« el Danio, Ĉeĥoslovakio (de Zdeněk Řezáč, publikigita en »La laborista Esperantisto), Bulgario, Belgio, Norvegio. La leteroj el la du popoldemokratiaj landoj estas plenaj de optimisma kredo je progreso, tiuj el la ceteraj tri landoj plendas pri senlaboreco.

**Pri IALA** (International Auxiliary Language Association) ni aperigis detalan ĉeĥan artikolon en 1948. Ni donis tie laŭ la IALA-broŝuro el la fino de 1947 specimenojn de iliaj kvar variantoj de projekto de »planlingvo«. Depost tiu tempo multo ŝanĝiĝis. IALA-direktoro de esplorado André Martinet, profesoro en Sorbonne, eksiĝis en komenco de 1949 deklarinte publike, ke li rifuzas ĉiun respondecon pri la formo de la lingvo, kiun IALA eventuale publikigos. Pre-

zidantino de Esplora Fako, fondintino de IALA sinjorino Dave H. Morris, multon meritinta pri ideo de lingvo internacia, mortis en 1950. Nun informas eldonejo Storm Publishers (420 Lexington Ave., New York), ke en januaro 1951 ĝi aperigos detalan anglan vortaron de Interlingua (ĉirkaŭ 470 paĝoj), »preparitan sub gvido de Alexander Gode Ph. D. fare de IALA-esplor-stabo«. A. Gode estis en junio 1948 asistanta direktoro de esplorado. La vortaro estos tre detala, enestas ankaŭ tradukoj de propraj nomoj ekz. »Aachen (G) npr Aachen, Aix—la Chapelle« aŭ »Abruzzi (I) nprpl Abruzzi«. La vortaro bazas funde sur naturalismo, versimile ankoraŭ pli ol Occidental. Se la elekto de vortoj sed precipe ilia adapto al internacia uzo estas pli sukcesinta kaj pli regula ol ĉe Occidental kaj Novial, la vortaro povos utili por esperantaj fakaj terminaroj. Sed ne ŝajnas, ke fantazio ĉe la IALA-stabo abundas. La nomo Interlingua fatale similas al la nova nomo de Occidental »Interlingue«, pri kiu occidentalistoj asertas, ke ĝi ne estis elektita pro kaŭzoj propagandaj aŭ politikaj. — En rubriko Ellerni de tiu ĉi numero ni represas specimenon el Zamenhof-antaŭparolo el Aldono al la Dua libro. Ĝi argumentas pri malutileco de tiaj ampleksaj vortaroj por artefaritaj lingvoj kun intuicio geniula.

**Elektroteknika terminaro esperantlingva en nederlandaj lernolibroj.** Ir. J. R. Isbrucker estas aŭtoro de serio de lernolibroj pri elektoteknikо por mezaj teknikaj lernejoj en nederlanda lingvo. Al la lastaj eldonoj de la apartaj volumoj li aldonis registron de la pritraktitaj temoj kun tradukoj en la angla (la teknika angla lingvo apartenas al la studfakoj de tiaj lernejoj) kaj en Esperanto. La registroj estas en la volumoj 1-a pri »Teoriaj principoj de la elektotekniko«, 5-a »Aplikoj de la elektra energio«, 6-a »Telekomunikado«. La registroj estas sufiĉe ampleksaj 7, 11, 12 paĝoj, kaj kvankam ili ne estas terminaro kompleta ili havas krom la valoro simple informa kaj propaganda tre gravan valoron pro disvolvo de nia faka terminaro. Apliko de tia aranĝo estas certe tre rekomendinda. Ni estas tre dankas al prezidanto de nia Akademio pro tiu ĉi lia faro.

**Pri la nomoj de la Esperantaj literoj** diskutas G. Waringhien en Esperanto (jan. 1951). Laŭ la Fundamento la nomoj estas a, bo, co, k. t. p. Sed dum parola uzo simileco de voĉaj kaj senvoĉaj konsonantoj kaŭzas malfacilan komprenon. Tial la aŭtoro proponas diferencigi inter la senvoĉaj kaj voĉaj konsonantoj aldonante la la senvoĉaj -o, al la voĉaj -a. Jen la paroj:

senvoĉaj: p, t, k, f, s, ŝ, c, ĉ

voĉaj: b, d, g, v, z, ĵ, dz, ĝ.

Do rezultos po, ba; to, da; ko, ga, ktp.

Ekster tiu klasado restas la du elspiraj (h, ĥ), la kvar likvaj (l, m, n, r) kaj la du duonvokaloj (j, ŭ). La du elspiraj estas ambaŭ senvoĉaj, la ceteraj voĉaj. Tamen estas bezone fari distingon inter ili ankaŭ, ĉar multaj homoj facile konfuzas mo kaj no (same kiel em kaj en). Ĉar oni ne havas por tiuj literoj fonetikan kriterion, ni devas elekti el aliaj motivoj. Ekz. per prononco mo oni ebligus distingon disde la iom najbara lipsono ba; per la prononco lo oni evitus konfuzon kun la artikolo k. t. p. Ni fine do atingas jenan distribuon: a, ba, co, ĉo, da, e, fo, ga, ĝa, ha, ĥo, i, jo, ĵa, ko, lo, mo, na, o, po, ra, so, ŝo, to, u, ŭo, va, za.

Por literoj fremdaj al Esperanto, la aŭtoro proponas: q kuo, w vavo, x ikso, y ipsilono aŭ greka i.

Por la literoj de la greka alfabeto li proponas konservi tiujn finiĝantajn kun a kaj aldoni -o al finiĝantaj per alia sono Do: alfa, beta, sed, epsilono, omikrono, k. t. p. Estus bezone memori muo, nou, taŭo, upsilono (por distingi de la latina ipsilono).

**Resono de la Pariza kongreso** en la franca preso estis nekutime granda. Franca Esperantisto el septembro havas sur sia lasta kovrilpaĝo tre belan foto-bildon de gravaj parizaj ĵurnaloj raportintaj pri la kongreso sur la unuaj paĝoj. Certe ĝi estas merito de la kongresa gazetara servo tre laŭdita de ĉiuj raportantoj. Despli ĉagrenigi devas nin la fakto, ke la kongresa rezolucio pri la paco ne respektis batallinion de la paco-kongresoj en Stokholmo kaj Varsovio.

**Edifanta legaĵo** estas ĉiuj numeroj de »El Popola Ĉinio«, ĉar el ĉiuj artikoloj kaj sciigoj brilas la laborfervoro, kun kiu la ĉina popolo dediĉas sin al masonado de sia nova kulturo materia kaj spirita. Kaj krome ĝojigas koron de esperantisto la bona lingvaĵo, en kiu oni pritraktas temojn tiom diversajn.

**»Verda ĝardeno«** estas nova gazeto esperantista ekaperinta en Pekingo en julio 1950, organo de »Esperanta Asocio de Nordokcidenta Kolegio de Agrikulturo« en la ĉina kaj Esperanto. La unua numero havas 24 paĝojn. Prof. Dr. Io Chou, tre fama kaj sperta entomologiisto multon publikiginta, en sia »Saluto« deklaras sin la plej bona amiko de Ĉeĥoslovakio, kie li havas pli ol cent korespondantojn. Por pliigi la konecon kaj amikecon inter la popoloj, li preparas Ekspozicion de Ĉeĥoslovakio kaj petas siajn ĉeĥajn amikojn sendi al li ekspoziciaĵojn ĉiajn kun esperantlingva klarigo (Wukung, Shensi, Ĉinio). En la listo de ricevitaj leteroj kaj donacoj ni trovas multajn nomojn el Ĉeĥoslovakio.

**Esperanto instruata en la Universitato de Amsterdam.** La konata Esperanto-instruisto, advokato Sigismundo Pragano el Bukureŝto, ĵus ricevis de la urbestraro de la nederlanda ĉefurbo Amsterdamo la oficon de docento de la lingvoj rumana kaj Esperanto ĉe la komunuma Universitato de Amsterdam, kiel asistanto de D-ro M. Valkhoff, profesoro de la romanaj lingvoj. M-ro Pragano komencis sian universitatan kurson la 15-an de novembro 1950. (Laŭ cirkulero de Internacia Esperanto-Instituto.)

**Planon eldoni Francan Antologion,** se la legantoj pruvos rimarkindan intereson, mencias Franca Esperantisto el decembro 1950. Kiel specimenon li publikigas parton (»La festeno«) el Salambo de Flaubert en traduko de Marcel Delcourt paralele kun originala teksto franca. Legi tiajn du tekstojn estas certe tre utila por tiuj, kiuj volas perfektiĝi en arto traduka.

**Pri ĉeĥoslovakaj farboj por presado** informas kaj laŭdas iliajn kvalitojn Informilo de I. G. E. L., organo de grafikaj galaboristoj tutmonde, el decembro 1950 (Nepveustraat 33 Amsterdam W). Ni citas: »En Ĉeĥoslovakio ekfunkciis la unua memstara fabriko por presistaj farboj en 1880. La fabrikado trairis depost tiam multajn ŝanĝojn. Plej unue oni permane frotmueladis la farbojn. Hodiaŭ oni uzas elektrajn rapid-muelilojn, kies produktoj estas perfekte kaj egalgrade muelitaj kaj povas esti uzataj por la plej nuancitaj presartaj laboroj de ĉiu speco. Grandegaj kelketaĝaj maŝinoj elŝprucigas senĉese centojn da kilogramoj de la farbo por rotacia preso. En hermete fermitaj kaldronoj oni kuiras vernisojn. La fabrikoj produktas dekojn da diversspecaj rimedoj, kiuj plifaciligas la laboron de la presistoj je minimumo. Tiuj ĉi rimedoj estas sekigiloj, maldensigiloj kaj aliaj helpiloj, kiuj estas ĉiam adaptitaj al la speco de la libropreso kaj al la kondiĉoj en la presejoj.« Ni enskribas danke tiun ĉi pruvon de amika intereso pri nia lando fare de nederlandaj kamaradoj.

**Revuo Esperanto Internacia** de UEA havas en j. 1951 en sia 44-a jaro formaton duonan ol la estinta, la amplekso restis la sama, la kajeroj havas 32 paĝojn. En tiu ĉi jarkolekto aperas po partoj plua longa rakonto de nia membro F. Omelka »La Alaska Stafeto«. Li akceptu niajn gratulojn.

# LINGVO

**Překlad 29. textu.**

Glora tago de la konstituiĝo[1] de l'Paca Mondkonsilantaro.[2] Per la senmortaj vortoj de Julius Fučík: »Homoj, mi vin amis. Viglu![3] finiĝis merkrede, la 22-an de Novembro 1950 je la 18,30 horo[4] la Dua Mondkongreso de la Pacdefendantoj en Varsovio.[5]

La testamentaĵon[6] de Fučík citis la prezidanta Pietro Nenni, post kiam li anoncis[7] al la reprezentantoj el la nacioj de la tuta mondo, ke al »la plej granda heroo de la rezista batalo«, al nia Julius Fučík, estis donita la unua eksterordinara internacia Pac-premio.[8]

La tuta kunveno,[9] pli ol du mil viroj kaj virinoj el ĉiuj kontinentoj,[23] leviĝis[10] kaj honoris la memoron de[11] Julius Fučík per longe daŭranta aplaŭdo.[12]

Tiel finiĝis la kunsidoj de la glora Varsovia[13] kongreso, en kiu la delegitoj de la reprezentitaj nacioj faris decidon de historia[14] signifo. Ili akceptis Manifeston al la nacioj de la tuta mondo kaj alvokon[15] adresitan al[16] la Organizo de Unuigitaj Nacioj,[16] kaj enhavantan postulojn de la kongreso de la pacdefendantoj.

En la Manifesto al la nacioj de la tuta mondo la kongreso kondamnas la militon kaj esprimas[24] la esperon, ke la Organizo de la Unuigitaj Nacioj revenos al (la) principoj, (kiuj estas) kapablaj sekurigi la pacon inter la nacioj. Oni diras en ĝi,[17] ke la »Paco devas esti batal-akirita (elbatalita).[18]

En la naŭ punktoj de la alvoko al la Organizo de la Unuigitaj Nacioj la Dua kongreso de la pacbatalantoj postulas tujan[19] fin(ig)on[20] de la malamika agado en Koreo, revokon[21] de la fremdaj trupoj[22] kaj pacan solvon de la konflikto fare de la Konsilantaro de Sekureco en ĝia (laŭ) leĝa konsisto kaj kun partopremo de la Korea popolo.

(Rudé právo 23. XI. 1950.)

Poznámky: [1] fondiĝo. [2] Tutmonda Pac-Konsilantaro. [3] maldormu, atentu, gardostaru. Zamenhof užíval: viglu! [4] nikoli »horoj«. V češtině říkáme: »Je šest hodin«, v esperantu: »Je šestá hodina« — »Estas la sesa horo«. [5] Warzawa. V mezinárodních textech nelze užíti českého pojmenování cizího města. [6] testamentajn vortojn. [7] sciigis, komunikis. Možno použíti též složeného času: Kiam li estis anoncinta. Avšak předložka »post« vyjadřuje dostatečně (a jednoduše) nesoučasnost obou minulých dějů. [8] Premio de Paco. [9] stačí místo též správného, ale složitějšího: ĉiuj kunvenintoj, la tuta kunvenintaro. [10] stariĝis. [11] pri. [12] long(e)daŭra. [13] Varsovia. Přídavná jména odvozená od vlastních jmen píšeme v esperantu též velkým písmenem: Pariza konferenco, Bulonja kongreso, Stokholma deklaracio. [14] mondhistorie grava, epokfara. [15] výzva zde má smysl: provolání—alvoko. Defio se nehodí, to je výzva k utkání, na př.: defio al batalo, al duelo, al bilardo a pod. [16] Unuiĝinta Naciara Organizo, UNO. Unuiĝita je nesprávné. Vůbec tvary na -iĝita jsou logicky nemožné, protože všechna slovesa na -iĝi jsou nepřechodná a nemají pasivní tvary na -ita, -ata, -ota. [17] en ĝi estas dirite. [18] perbatalita, perluktika. Nikoli devas esti -ota. Tvarů na -ota by bylo možno použít tehdy, když by se vynechalo sloveso »devas« a věta zněla: la paco estas perbatalota, perluktota. [19] senprokrastan. [20] ĉesigon. [21] forprenon, forkomandon. [22] armeoj. [23] modpartoj. [24] eldiras. Hm

Překlad zaslali: Julie Bendová, Praha; Aug. Blahutka, Vsetín; Jaroslav Grodl, Nížkov; Zdeněk Hršel, Hradec Králové; Alois Kozárek, Skrbeň; A. Macek, Bulhary; Čeněk Michal, Český Brod; Dr. Rudolf Pawlík, Ostrava; Frant. Rozsypálek, Dyjákovice; Vilém Zelníček, Brno.



**30. text k překladu.**

Velkolepý plán přeměny přírody, výstavby gigantických hydrocentrál a zavodnění pouští a stepí je přímo manifestem světového míru ... Úspěchy budování komunismu v SSSR ukazují příkladem vyššího a vyspělejšího hospodaření a vyšší a vyspělejší techniky cestu lidově demokratickým zemím při budování socialismu v těchto zemích a otvírají tak žijícím generacím perspektivu přechodu k výstavbě socialismu. (Klement Gottwald.)

## SE—ĈU

Tyto dvě spojky čeští esperantisté často zaměňují, jsouce sváděni tou skutečností, že české »-li«, »jestli« znamená nejen »jestliže«, ale i »zda«.

SE = jestliže, ĈU = zda (-li): Ni ne ekskursos, SE pluvos. Nepůjdeme na výlet, bude-li pršet (jestli/že) bude pršet. Li demandis min, ĉu ni ekskursos. Ptal se mne, půjdeme-li na výlet (jestli půjdem).

Příklonné »-li« stojí tedy u slovesa vedlejší věty podmínkové (jestliže) i předmětné (zda). V obecné řeči se v obou případech hojně užívá též »jestli«.

Nutno tedy rozeznávat: 1. jestli = jestliže = SE, 2. jestli = zda = ĈU.

Jestli mají pravdu (= zda mají ...), posuďte sami. ĈU ili pravas, juĝu vi mem. — Nevím, jestli jste to už slyšeli (= zda jste to slyšeli). Mi ne scias, ĈU vi jam aŭdis tion. — Nevím, jestli budu včas hotov (= zda budu ...). Mi ne scias, ĈU mi estos ĝustatempe preta. — Přijdu k vám, jestli budu včas hotov (= budu-li, jestliže budu ...). Mi venos al vi, SE mi estos ĝustatempe preta. — Jsem zvědav, jestli bude mít úspěch (= bude-li mít, zda bude mít ...). Mi estas scivola, ĈU li sukcesos. — Budu velmi šťasten, jestli bude mít úspěch (= bude-li mít, jestliže bude mít ...). Mi estos tre feliĉa, SE li sukcesos.

Krátce: začíná-li věta spojkou »jestliže«, překládáme »SE« (podmínka), začíná-li »zda«, překládáme ĈU. Začíná-li věta hovorovým »jestli«, přeložíme podle toho, zda spojku »jestli« můžeme nahradit spojkou »jestliže« nebo spojkou »zda«.

A nakonec: Je správné: Mi telefonos al vi, SE mi veturos ... nebo Mi telefonos al vi. Ĉu mi veturos?

Správné je obojí, ale každá věta má jiný smysl:

1. Budu vám telefonovat, jestliže (SE) pojedu (t. j. nepojedu-li, nebudu vůbec telefonovat).
2. Budu vám telefonovat, zda (ĈU) pojedu (či nepojedu), t. j. budu vám telefonovat v každém případě svoje rozhodnutí.

Zašlete nám 5—10 vět podobného druhu, vzatých z četby, korespondence, rozhovorů, nebo vymyšlených. Hm

## ĜIS

je předložkou i spojkou.

1. ĜIS co předložka znamená AŽ K (místně), AŽ DO (časově): Mi akompanos vin ĜIS ViA domO, ĜIS tiE. — Li restis ĉe ni ĝis vespero.

Nesprávné je: ĝis al via domo, ĝis tien, ĝis al vespero, jelikož směr je obsažen již v předložce ĝis samé (podobně jako v předložce al). Slovo za předložkou ĝis označuje místo (čas), k němuž činnost směřuje a u něhož končí.

Doprovodil mne až do domu = Li akompanis min ĝis en mia domo. (Šel se mnou tak dlouho, až jsme byli »en mia domo«). — Mám práce až nad hlavu = Mi havas laboron ĝis super mia kapo.

Krátce: po »ĝis« není nikdy »al« ani směrové »-n«.

2. ĜIS co spojka znamená: »tak dlouho, až, tak dlouho, dokud ne ...«: Mi ne kredos, ĝis mi mem vidos = Nebudu věřit tak dlouho, až sám uvidím, dokud sám neuvidím. — Atendu, ĝis mi venos = čekej tak dlouho, až přijdu, dokud nepřijdu.

Přeložte větu: Uvěřím, až uvidím. Mi kredos, ĝis mi vidos je špatně, znamená: Budu věřit tak dlouho, až uvidím, tedy opak toho, co mělo být vyjádřeno.

Správně: Mi NE kredos, ĝis mi vidos (jako vpředu), nebo: Mi kredos, kiam mi vidos, nur kiam mi vidos, nur se mi vidos.

Věta: Mi silentos, ĝis oni ĉesos brui znamená tedy: kiam oni ĉesos brui, mi parolos.

Všimněte si, že v češtině je ve vedlejší větě začínající »dokud« zápor (dokud NEuvidím), v esperantu nikoli. V esperantu naopak je zápor ve větě hlavní (mi NE kredos, ĝis mi mem vidos).

Zašlete nám 5—10 vět podobného druhu. Hm

# LOKAJ INFORMOJ

**Bojkovice.** — Kurso por 20 p. komenciĝis la 25-an de oktobro 1950, instruas s-o Jan Tichoň.

**Brno.** — Programo de kunvenoj de E. K.: 2. I. Mirakla mondo de l'steloj (J. Vondroušek). 9. I. Komencoj de Esperanto-movado inter la ĉeĥoj (R. Hromada). 16. I. Pri Vladimír Iljič Lenin (M. Adamcová). 23. I. Wolfgang Amadeus Mozart (Hilda Kořínková). 30. I. Ni kantu! (La junularo). 6. II. Karnalvalo. 13. II. Regula ĝenerala kunveno de la klubo. 20. II. Dialogoj el la Blanka Malsano (La junularo). 27. II. Norda Kanto de Georgo Duhamel (Václav Duroň). 6. III. Poezia vespero (La junularo). 13. III. Historio de la mondlingvo (J. Friedrich). 20. III. Leteroj de L. L. Zamenhof (Jiří Kořínek). 27. III. Ĥoreogafo Ivo Váňa Psota (Anna Knolová). 3. IV. Fabeloj de Chr. Andersen (La junularo). 10. IV. Memortago al D-ro L. L. Zamenhof (Prof. V. Scheiber). 14.—15. IV. Regiona kunveno. 17. IV. Aventuro sur ekvatoro (Marie Sousedíková). 24. IV. Humuro de Mark Twain (M. Vondroušková).

**Děčín.** — E-grupo »Ĉiam antaŭen« en Děčín IV informas: Kiam vi vizitos nian urbon, tiam vi certe estos agrable surprizitaj. En tiu ĉi urbo, elirpunkto al Hřensko, al Tisské skály, al naturorgeno en Česká Kamenice kaj al multaj aliaj belegaj lokoj, bonvenigos vin via dua hejmo, nia nove malfermita kaj bele, eĉ modele aranĝita klubejo, nia »verda butiko«. Ĝi situas nur kvar minutojn de la stacidomo, sur la ĉefa strato kaj ĉiu, kiun vi demandos, montros ĝin volonte al vi. Sed vi ne bezonas demandi, ĉar per grandliteraj surskriboj »Esperanto« ĝi estas de malproksime bone videbla. Tie vi povas senzorge peti ĉiujn bezonatajn informojn, prizorgon de tranoktado, agrable ripozi post via laciga migrado tra nia bela limregiono, eĉ babili kun niaj klubanoj precipe, se via vizito okazos ĵaŭde, kiam okazas niaj semajnaj kunvenoj (je la 19,30 hor.).

La granda montra fenestro estas vere modele aranĝita, kaj paŝoj de ĉiuj preterpasantoj haltas antaŭ ĝi, por ke li vidu, kio nova estas en ĝi.

Unue, kiam ni komencis aranĝi nian klubejon, aperis granda intereso kaj scivolemo ĉe niaj samurbanoj kaj plej parte oni opiniis, ke temas pri malfermo de nova viandvendejo M a s n a (ho, kiaj materialaj homoj estas la niaj). Sed tago post tago kaj iom post iom, oni vidis, pri kia butiko temas, nome pri verda butiko de esperantistoj, pri nia E-klubejo. Kaj ni ĝoje spertas, ke la komenca scivolemo kaj intereso ne malaperis, sed, ke ĝi ĝojige kreskas, ĝi transformiĝis je malsato pri mondnovaĵoj, kiujn prezentas nia montra fenestro. Dum tutaj tagoj staras preterpasantoj antaŭ ĝi; ĝi ŝajnas esti konstanta ekspozicio de ĉiuspecaj esperantaĵoj, ricevitaj fotografaĵoj, kiujn ni alfiksis sur 74×54 cm tabulojn, ĉiu tabulo por unu lando. Vere malgrandigita mondo en montra fenestro. Kaj grupetoj staras kaj diskute admiras ĉion montratan. Sed ne nur tio servas por ekinteresigi niajn samurbanojn. Ĉiun ĵaŭdon, duonhoron antaŭ ol komenci nian kunvenon, ni prezentas instruajn filmojn projekciante ilin en la montra fenestro. La bildoj estas bonege videblaj de la strato. Ni intencas ankoraŭ akompani ĉiun filmon parole. — Ĉe tiu okazo, ni instigas ĉiujn klubojn, precipe tiujn en limregionoj, kiuj havas similajn kondiĉojn, ankaŭ la nuntempan oportunan okazon kaj lui iun fermitan vendejon kaj adapti ĝin kiel klubejon. Havante sian propran klubejon, oni povos sukcesplene kaj pli efike propagandi nian lingvon kaj ĝin disvastigadi. Ankaŭ laŭ konversacia vidpunkto oni devas konfesi, ke tiu izolita ĉambro kaj medio estas pli oportuna, ol se oni kunvenadas en gastejoj, estante ĝenata de gastoj.

Ĉe fino de tiu ĉi raporto, mi volus nur mencii ankoraŭ pri alia, tre grava afero, nome pri interŝtata interŝanĝado de lernejaj desegnoj: Nia E-klubo proponis sin, al lernejestro peradi tian interŝanĝadon, por okazonta lerneja ekspozicio. Samtempe niaj desegnoj estos ekspoziciataj en fremdlandaj lernejoj. De 18 ŝtatoj, al kiuj mi dissendis la kolektojn da tiuj desegnaĵoj aldoninte al ĉiu sendaĵo kelkajn ekzemplerojn de Servo, po unu Konstitucio kaj Lerneja reformo, venis interŝanĝe sendaĵoj de 14 ŝtatoj, aliaj 4 petis pardonon, sendonte siajn desegnaĵojn iom pli poste. Tiuj desegnajoj estis transdonitaj al lernejo kaj komence de junio oni aranĝis la lernejan ekspozicion, kun ricevintaj fremdlandaj desegnaĵaj, tradukoj de la alvenintaj leteroj, kie oni parolas pri ĵus okazinta ekspozicio en alia ŝtato, kie estas ekspoziciataj la desegnaĵoj de niaj infanoj. Sur granda afiŝo, oni povis legi, kiamaniere la alilandaj desegnaĵoj estis akiritaj. Dum tuta monato junio venadis aliurbaj lernejaj ekskursoj al nia urbo kaj ĉiuj estis invititaj por vidi tiun eksterordinare belan ekspozicion. Sed tio ne sufiĉis al vigla instruistaro de nia lernejo. Oni aranĝis la saman ekspozicion en atendejo de la urba stacidomo, kie ĝi estas jam la duan monaton. Kaj estas vere ĝojiga fakto por ni kaj la aranĝantoj, legi kritikojn skribitajn en libro destinita por kritikoj. Ankaŭ ĉi tie, grandaj afiŝoj anoncas al vizitantoj, kiamaniere estis akiritaj la fremdlandaj desegnaĵoj, krome pluaj informoj pri utileco de nia lingvo.

**Kaj al fino ankoraŭ modesta, sed grava peto:** Por okazonta ekspozicio de turismaj propagandaj afiŝoj ni petas samideanojn, ke ili bonvolu al ni sendu afiŝojn de ilia urbo aŭ vidindaĵoj de ilia ĉirkaŭaĵo. Bonvolu sendi el la tuta respubliko, temas pri nova, grandskala pruvo pri potenca helpemo de ni esperantistoj kaj pri propagando de naturbelaĵoj de nia patrujo. Ni elkore antaŭdankas vin kaj rekompencos laŭ via plaĉo. Ni ankaŭ interŝanĝos volonte fotografaĵojn de gravaj turismaj lokoj kaj vidindaĵoj de nia respubliko. Kvanto por kvanto. Ni sendos al vi nepre fotografaĵojn de Hřensko k. a. Temas pri fabrikado de filmstrio pri naturbelaĵoj de nia ŝtato kaj al tiu celo ni bezonas taŭgajn, belajn bildojn. Helpu nin do propagandi nian karan respublikon kaj ebligi aperigi tiun filmstrion.

**Doksy.** — Loka grupo decidis ĉesigi sian ekzistadon la 31-an de decembro 1950.

**Handlová.** — Depost la 4-a de aprilo 1950 funkcias prepara komitato por loka grupo de SES, prez. Alex. Kolár. (E. S.)

**Hradec u Opavy.** — La 12-an de oktobro 1950 okazis unua kunveno de esperantistoj, ĝis fino de la jaro ili kunvenis 8 foje, la kolektivo nombras 13. — Tre sukcesa estis silvestra vespero la 31-an de decem., kiun partoprenis ges-oj el Ostrava, Háj, Opava. S-oj el Ostrava kaj Háj prezentis tre bonan programon. Oni tranoktis en skolta kabano apud Hradec, la 1-an de januaro estis vizitita muzeo en Hradec-kastelo.

**Hradec Králové.** — En la kluba bulteno el decembro ni legas leteron de Eva Suchardová priskribantan la gravecon, kun kiu ŝi rigardas sian taskon kiel instruantino en Esperanto-kurso: »Necesas ne nur instrui, ĉar tio ne sufiĉus. Necesas doni sin mem, absolute kaj kun ĝojo, vidigi sian propran koron kaj per tiu koro, ne per gramatikaj reguloj, esperantigi homojn. Nur tiu, kiu brulas, rajtas kaj povas bruligi, nur amo povas kaj kapablas kreskigi amon.« — Kurson por miksita publiko dum oktobro—decembro 1950 gvidis Jar. Dolanský en la klubejo por 25 partoprenantoj.

**Jasov.** — Kurso la 3. I.—31. V. 1950, gvidita de Eugen Grich, lernejestro, por 22 komencantoj. Okazigis ĝin Loka Kleriga Konsilantaro. (E. S.)

**Kosmonosy.** — Loka grupo decidis en sia jarkunveno la 12-an de oktobro 1950 likvidiĝi pro absoluta neintereso de membraro.

**Lanžhot.** — Kurson por 28 komencantoj gvidis la 2. I.—30. VI. 1950 Fran Svačina, oficisto de la Loka Nacia Komitato, laŭ interkonsento kun Kleriga Komisiono. La kurso okazis en la klasejo de la Nacia Lernejo, la kursgvidinto rivecis regulan honorarion fare de Distrikta kleriga inspektoro. El la kursanoj 4 aliĝis al la Asocio.

**Martin-Vrútky.**—Loka grupo de SES estis fondita la 28-an de septembro 1950. Prez. D. Rohonczi, sekr. M. Lezo.

**Olomouc.** — Aŭtuna kurso aranĝita de Kleriga Kunularo ĉe JNV, gvidita de s-oj Vašek kaj Jarmarová, finiĝis en decembro 1950 kun 8 finstudintoj. — Ĉiuj 18.500 familioj, ricevantaj nutraĵkuponojn, ricevis kun ili presitan invitilon al Esperanto-kurso komenconta en la dua duono de januaro, aranĝata de Distrikta Klerigo Kunularo. Kurskotizo 50 Kčs por 20 duhoraj lecionoj. — La 15. III. estos rememorigita 40-a jaro depost fondo de la unua E-societo en Olomouc.

**Stěžery.** — Kurso en Agrikultura lernejo knabina kun 18 partoprenantinoj inter ili 2 instruistinoj kaj unu profesorino, instruas Fr. Pytloun laŭ Ĉe-metodo. La kurso estis starigita pro iniciato de la klubo en Hradec Králové.

**Opava.** — La Loka Grupo kunvenas depost januaro en restoracio U červeného raka en Krnovská-strato, ĉiumarde. — La grupo gvidata de junularo sendis al Prepara Komisiono de ILPE leteron aprobantan fondon de la Ligo kaj ĝian progreseman programon. — La grupo publikigas ciklostilitan cirkuleron gvidatan de Jaroslav Kuzník. — Kurso progresanta okazas senpage en Konversacia rondeto ĉiumerkrede je la 19,30 h. en restoracio de s-o Goba (Masarykova str.).

**Ostrava.** — La Junularo raportas: Post reveno el Rožnov-kursaro komenciĝis denove nia esperantista vivo. Komence de septembro estis malfermitaj kurso por komencantoj (gvidas s-o Neuwirt), progresintoj (s-o Slaný), supera (s-o Kočvara). Ni kunvenas ĉiuĵaŭde je la 18-a h. ĉe s-o Šiguta (Ostrava, Bělský les, finstacio de tramo 2) kaj nia nombro estas ĉ. 50. — Ni kolektis ekspozician materialon, kiu jam multloke propagandis. Tiu ĉi portebla ekspozicio konsistas plejparte el niaj korespondaĵoj, diversaj E-gazetoj kaj propagandiloj. — Multaj niaj anoj partoprenis la regionan kunvenon en Kopřivnice la 24. IX. kaj kantis ĉe inaŭguro de la Ripozejo. — En Vrútky la 7—8-an de oktobro ĉeestis 6 niaj anoj kaj ni trovis tie multajn junajn geamikojn. — La 8-an de nov. du niaj anoj veturis al Bystřice p. H. por honorige viziti maljunan pioniron Čejka okaze de lia 50-jara laborado por Esperanto. — En propaganda bendo aranĝita de Konmenský-societo en O.-Zábřeh la 29. X. prezentis nia Deklama kaj kanta rondeto sian programon. — Iom post iom estiĝas nia uniformo. Post la samaj kravatoj estis aĉetitaj preskaŭ por ĉiuj membroj la samaj ĉapetoj. — Al »Nikolao-kurso« la 2-an de decembro venis samideanoj el junularo de Opava, Háj, Karviná kaj multaj samideanoj el Ostrava-klubo; ĉiuj gaje amuziĝis. (Sk)

**Plzeň.** — Novan kurson por komencantoj aranĝas »Popola universitato«; ĝi komenciĝis la 20. X. 1950 en lernejo (Tylova str.), vizitas ĝin 21 p., instruas laŭ Ĉe-metodo Mila Racek kaj gramatikon instruisto V. Büchl.

**Praha.** — Programoj de E. K.: 11. X. Dr. M. Pulchart: Pri genezo de la vivo laŭ materialisma koncepto. — 18. X. Prof. Št. Urban: Astrologio-kosmobiologio. — 25. X. La Tago de Libero (J. Šustr k. a.) — 1. XI. D. Bartošík: Nigro kaj blanko (pri grafika arto kun montraĵoj). — 8. XI. M. Lukáš: La Granda Oktobra Revolucio. — 15. XI. Kolektivo: 60 jaroj de Rudolf Hromada. Parolado, recitado kaj muziko. R. Hromada: Kiel vi ĝin diras? I-a parto. — 22. XI. Naskiĝtago de Klement Gottwald (Anstataŭ Ad. Malík legis Jar. Mařík). — 29. XI. R. Hromada: Kiel vi ĝin diras? II-a p. — 6. XII. Nývlt, Slanina, Junularo, geedzoj Urban k. a. Nikolaa vespero kun gaja programo kaj donacoj de S-ta Nikolao (Valeš). — 13. XII. »La majstro vivas.« Sentoplena radiofilmo de Miloš Nývlt prezentita de kolektivo (Balda, Bárochová, Lorenz, Mařík, Nývlt, Nývltová) sub aŭtora reĝisorado kun muzikkulisoj. Iluminita oreca granda busto de la Majstro kvazaŭ mem parolis. Varma, eĉ larmiga sukceso ĉe la aŭdantaro. (La teksto, ciklostilita, estas ricevebla ĉe la Asocio.) — 20. XII. Nývlt-Mařík: Kristnaska radiofilmo kun kristnaska muziko. Prezentis kolektivo. — Instalo de disaŭdiga aparataro, aĉetita de la Klubo, helpas atingi la deziratan efekton precipe pro ebleco de muzikkulisoj.

**Praha.** — Dum unu el regulaj kvaronhoroj destinitaj por kulturaj kaj politikaj aktualaĵoj, la 12-an de decembro 1950, prelegis poŝta teknika oficisto Antonín Janoušek al 60 laborantoj de la Poŝta teknika esplora instituto pri »Esperanto kaj problemoj de internacia lingvo«. La prelego estis tre bone preparita, akompanata de presaj dokumentoj el nia lando, el Ĉinio, Japanio, kaj de nigra tabulo demonstranta simplecon de la E-gramatiko, kaj estis aŭskultata kun profunda intereso. La aŭskultintoj taksis ĝin kiel la plej valoran el paroladoj aŭditaj dum tiuj kvaronhoroj.

**Rokycany.** — Kunvenoj ĉiumerkrede je la 19,30 h. en propra klubejo, ul. Míru n-ro 21. — Okazas du kursoj: por komencantoj, 24 p. instruas s-ro K. Bašík; por progresintoj 9 p. instruas V. Kočvara. — Membronombro 29; kunvenojn regule vizitas 14 membroj.

**Saĉurov** (distrikto Vranov). — Kurso por 14 lernantoj en printempo 1950, gvidis Štefan Michalka, faka instruisto. (E. S.)

**Sircký Železník, p. Revúca.** — Kurso por 16 komencantoj aranĝata de Entreprena ROH-klubo, gvidis Lad. Cibur, lernejestro, dum printempo 1950. (E. S.)

**Veselí na M.** — Amikan regionan kunvenon la 20-an de aŭgusto 1950 partoprenis 55 p. el Moravio kaj Slovakio. Salutleteroj venis el 14 landoj, inter ili el USSR, Ĉinio, Japanio.

**Žilina.** — Dum kursfina kunveno la 29-an de okt. 1950 estis fondita Esperanto-sekcio ĉe entreprena grupo de Ĉeĥoslovaka Asocio Junulara (ČSM) ĉe »Slovena, nacia entrepreno«. Prezidanto Miro Závodský (Žilina, Závodie 197). E. S., okt.

## SCIIGOJ

**Internacia Kulturo.** Ni ricevis fine informon el Bulgario, ke tiu revuo pro malfacilaĵoj ne antaŭvideblaj ĉesis provizore aperi. Ekzistas ebleco, ke la mankantaj numeroj aperos, sed la eldonejo ne povas diri, kiam tio okazos. Same estas pri nova jarkolekto de tiu revuo. La Librovendejo de EAČSR petas tial ĉiujn abonintojn, ke ili paciencu. Ili konsideru tiun ĉi informon kiel respondon al la multnombraj demandoj al ni adresitaj. Por la jaro 1951 ni provizore ne akceptas abonpagon al IK.

**El Popola Ĉinio.** Ni deziras ebligi abonon al tiu bona gazeto regule aperanta en Peking. Ni devas tamen atenti la severajn regulojn de Ŝtata Banko Ĉeĥoslovaka kaj ne povas prizorgi senpere la abonon, ĉar tion povas fari sole la koncerna importkompanio ĉeĥoslovaka. Ni esperas, ke ni povos baldaŭ doni konkretajn informojn pri aboneblec o kaj la prezo.

**Aliaj eksterlandaj Esperanto-gazetoj** estas tre malfacile aboneblaj en nia lando. La iam permesataj unuopaj ekzempleroj estas transdonataj al la ĉefaj kluboj. Ni ne forgesos anonci al niaj membroj, se ni ricevos importpermeson por pli granda nombro da ekzempleroj.

**Pri nia gazetara servo.** Unu el tre efikaj iloj de nia propagando estas daŭre kaj bone funkcianta gazetara servo. Taŭgaj artikoletoj laŭeble en pli-malpli regulaj intertempoj aperantaj en la gazetoj donas al la publiko impreson de vigla prospero de nia lingvo. Revigligita Internacia Gaze-

tara Servo de UEA donas en sia lasta cirkulero konsilojn pri ĝusta kaj lerta agado de la komisiitoj de la GS en unuopaj lokoj. Ni notu el ili: 1) la raportetoj kaj artikoletoj ne estu tro longaj sed interesaj por ĉiu kaj lerte kaj atentologe verkitaj, 2) ili povas ofte temi pri tute ne-esperanta afero ĝenerale interesa, sed flanke mencii Esperanton, 3) ili ne enhavu ĉiam en sia titolo atentigon pri nia afero aŭ vorton Esperanto, por ke ili kaptu atenton eĉ de tiuj, kiuj emas preteratenti sciigojn pri nia afero, 4) se oni ricevas ekz. samtempe pluraјn artikoletojn de la GS, oni neniam sendu ilin are al la redakcioj, ĉar tiel lavange superŝutitaj de raportoj, la redakcioj inklinas forĵeti ĉion; oni do dividu la materialon por tempodaŭro de pluraj semajnoj kaj sendu dum semajno aŭ dekkvar tagoj po unu, du artikoletoj, 5) oni ne sendadu al la redakcioj multobligitajn, skribmaŝine kopiitajn artikoletojn, do nur originale skribitajn sciigojn, 6) se vi ricevas sciigon pri iu interesa evento tamen okazinta antaŭ jam sufiĉe longa tempo (ofte el nia vastega Esperantujo venas tiaj malfruiĝintaj raportoj), uzu ilin sen indiko de la dato, anstataŭigante la daton per »antaŭ nelonge« aŭ »laŭ ĵus akirita sciigo« kaj simile, ĉar la redakcioj ne ŝatas publikigi sciigojn kelkajn monatojn malnovajn, eĉ se ili alie ŝajnus interesaj.

Ĉar tre ofte interesaj okazaĵoj akiritaj en privata korespondo, interesaj sciigoj, rimarkindaj spertoj faritaj per Esperanto, pruvoj pri praktika uzeblo kaj utiligo de nia lingvo, restas al la prizorgantoj de nia landa Gazetara Servo nekonataj kaj neprofitigeblaj, ni petas ĉiujn samideanojn informi tuj niajn komisiitojn por la GS: s-anon Jiří Kořínek, Drtinova 46, Brno 14 (Moravio-Silezio), s-anon Frant. Pytloun, Zamenhofova 1010, Hradec Králové II, (Bohemio). Nia devizo estu: En ĉiu loko, kie aperas ĵurnalo aŭ gazeto, funkciu kapabla kaj konscienca peranto de nia Gazetara Servo. (ik)

**Aŭskultu radiostacion Sofia!** Depost 1-a de januaro 1951 disaŭdigas radiostacio Sofia trifoje dum la semajno, marde, vendrede kaj dimanĉe inter la 19-a horo kaj 19,15 h. MET sur 32,9 m en Esperanto pri politika, ekonomia kaj kultura vivo de la Popola Respubliko Bulgara. Aŭskultu kaj konfirmu aŭskulton al Radiostacio Sofia.

**La V-a tradicia Jozefa vespero en Hradec Králové** okazos la 17-an de marto. Riĉa programo, amuzo kaj dancado. Dimanĉe la 18-an okazos kunveno de ĉiuj esperantistoj el la regiono. Samideanoj, kiuj deziras partopreni, bonvolu sin anoncu baldaŭ.

## KORESPONDI DEZIRAS

O. Arai, 26, Niŝisakuragi, Macugasaki, Sakjo-Ku, **Kioto**, Japanio, kun ĉeĥoslovakaj gesamideanoj.

H. Kolk, Korte Woldstraat 15, **Steenwijk**, Nederlando.

Michel Schmidt, Grüngang 2, **Konstanz**, Germanio, serĉas poŝtstampojn de la lastjaraj E-kongresoj.

Juna instruisto dez. intŝ. leterojn kun gesamideanoj de la tuta mondo. Jaroslav Lorenz, restoracio Cudlín, Vlastějovice, **p. Zruč n. Sáz.**

Jaroslav Adolt, Ubikace cementárny 16, **Ostrava V.** kun Francio, Svedio, Belgio, Hungario, Pollando, Ĉinio, Japananio.

Miroslav Bertl, **Vápenný Podol** sendas por 50 pm de la tuta mondo la saman kvanton de ĈSR, protektorato Bohemio-Moravio kaj Slovakio.

Fukuŝima-Toŝitami, Oĵima 300, Oĵima-maĉi, **Nitta-gun**, Gunma-Ken, Japanio, 26-jara studento de arkitekturo, pri politiko, ekonomio, ĉiutaga vivo de la popolo, pm-kolektado.

## ESPERANTISTA VIVO

**Mortis Liba Hujková,** aktiva membrino de Ostrava-junularo, kun kiu ni travivis ankoraŭ du gajajn semanojn en **Rožnov-kursaro**. Ŝi estis entombigita la 10-an de novembro 1950, inundo de blankaj floroj kovris la ĉerkon, granda nombro de gesamideanoj el la regiono adiaŭis ŝin.

**Edziĝo.** Fr. Schvarz kaj M. Stárková en Hradec Králové la 27. I. 1951.

**Edziĝo.** Františka Meclová kaj JUC Karel Jakubec en Jaroměř la 27. I. 1951.

Sincerajn bondezirojn al la novaj geedzaj paroj!

*

**Propono.** Cele oratoriĝon kaj cele perfektiĝon en Esperanto estas petataj ĉiuj regionaj perantoj kaj prezidantoj de viglaj kluboj, kie okazas iom grandaj kunvenoj, inviti poŝtkarte samideanon Svačina, oficiston de Nacia Komitato en Lanžhot, por prelegi kaj diskuti kun samcelanoj pri gravaj temoj:

1. Kiamaniere ĉesi fumadon kaj per mono tiamaniere ŝparita disvastigadi nian movadon.
2. Pri eterna homa vivo.

Svačina Fran, oficisto de Nacia Komitato, en Lanžhot.

## Librovendejo de EAĈSR ofertas

| | |
|---|---|
| Majerová: Urbo en signo de fajro (2,50) | 30,— |
| Lad. Krajíc: Učebné texty pro kursy (2,50) | 20,— |
| Rud. Hromada: Slovník česko-esperantský (2,50) | 40,— |
| J. Šupichová: Hovoříme esperantsky (2,50) | 28,— |
| A. Reček: Učebné texty (2,50) | 30,— |
| J. a K. Filipové: Velký slovník česko-esperantský (11,-) | 390,— |
| H. K. Bouška: Esperanto - jednotné jazykové pojítko národů. Krátké uvedení do esperanta. 10 ex. | 8,— |
| Dr. St. Kamarýt: Ellerni 1—12 (separát) | 10,— |
| E. E. Collinson: Esperanto a jeho kritikové | 2,— |
| Dr. St. Kamarýt - Dr. T. Pumpr: O zkouškách z esperanta | 10,— |
| Dr. T. Pumpr: Česká a slovenská literatura v esperantu | 2,— |
| Esperanto-Schlüssel (německý Klíč esperanta) | 1,— |
| J. a K. Filipové: Kantareto (2,50) | 45,— |
| Teksto de kantoj, prezentitaj dum Esperanto-kongreso en Brno (por klubaj artvesperoj) | 6,— |
| Multobligitaj tekstoj de operoj, disaŭdigitaj de Verda stacio en Praha: | |
| Najado | 20,— |
| Vendita fianĉino | 10,— |
| Aliĝilo al Esperanto-kurso 100 ekz. (4,—) | 35,— |
| Atesto pri kursfina ekzameno | 4,— |
| Propaganda afiŝeto multkolora | 3,— |
| Kartona afiŝeto (1,50) | 5,— |
| Propaganda afiŝo 41×30 cm - kun libera spaco por anonco de kurso ktp. | 2,— |
| Stacidoma tabulo lada ESPERANTO-INFORMO, uzebla ankaŭ por klubejo (6,—) | 100,— |
| La sama, iomete difektita (6,—) | 50,— |
| Leterpapero kun koverto | 1,— |
| Leterpapero kun koverto aerpoŝtaj | 1,50 |
| Poŝtkarto | —,30 |
| Poŝtkarto kun portreto de Zamenhof (Bartošík) | 1,— |
| Novjara poŝtkarto de Bartošík | 1,— |
| Emajlita ŝildeto ESPERANTO PAROLATA 14×5 cm (4,—) | 30,— |

Senpage al eksterlando:

Konstitucio de Ĉeĥoslovaka respubliko

Lerneja reformo en Ĉeĥoslovakio.

Al la prezo aldonu afrankon, notitan inter krampoj. Kiam ne estas notita, tiam minume 80 helerojn. Plej simpla mendo per poŝta pagilo nro Č 12.371 Svaz esperantistů, Praha.

# Ellerni 13

Začínáme ukázky z esperantské literatury přetiskem ze Zamenhofovy předmluvy Dodatku k Druhé knize, v níž přesvědčivě vykládá svou theorii, že mezinárodní jazyk musí býti výtvor kolektivní.

**Zamenhof pri evoluo de Esperanto.**

Se mi senigas min nun je ĉiaj personaj privilegioj kaj fordonas ilin tute al la publiko, mi ĝin faras ne pro malvera modesteco, sed ĉar mi havas la profundan kredon, ke tion postulas la interesoj de la afero, kiu alie ne povus regule kaj rapide vastiĝi kaj ĉiam estus en dependo de unu persono kun liaj eraroj. Nur viva konkursa laboro, ĉe kio ĉio pli bona iom post iom elpuŝas la malpli bonan,—povas doni efektive bonan kaj vivipovan lingvon internacian.

Multaj kredeble timos, ke danke tiun vastan liberecon la lingvo internacia baldaŭ disfalos en multaj malsamaj lingvoj. Sed kiu konas iom historion de la lingvoj, tiu komprenos, ke tiu timo estas tute senfonda. Ĉar ni ĉiuj laboros sur unu fundamento, kaj tiu fundamento, enhavante la tutan gramatikon kaj la pli grandan parton de l'vortoj, kiuj en la parolado estas renkontataj la plej ofte, havos en la lingvo internacia tian saman signifon, kiun en ĉiu lingvo havis tiu lingva materialo, kiu estis en ĝi en la komenco de regula skriba literaturo: estis preta gramatiko, estis granda kolekto da vortoj, sed multaj vortoj ankoraŭ malestis. Tiuj ĉi vortoj estis kreataj unu post unu, laŭ la kreskanta bezono, kaj malgraŭ ke ili estis kreataj de malsamaj personoj, sen ia konukanto aŭ leĝdonanto, la lingvo ne sole ne disdiviĝis, sed kontraŭe ĝi ĉiam pli unuformiĝis, la dialektoj kaj provincialismoj iom post iom perdiĝis antaŭ la fortiĝanta komuna literaturo lingvo. Ke mia unua broŝuro prezentas fundamenton sufiĉe fortan, kaj ke la fundamenta vortaro enhavas nombron da vortoj sufiĉan kaj tiel grandan, ke se oni volas, oni povas eĉ tute libere esprimi siajn pensojn sen ia kreado de novaj vortoj, — montras la fakto, ke en la tuta »Dua Libro« vi ne renkontas eĉ unu nove kreitan vorton. (Vi renkontos tie, vere, multajn vortojn, kiujn vi ne trovas en la fundamenta vortaro, sed tio ĉi ne estas vortoj nove kreitaj, sed nur tiaj, kiujn oni danke la gramatikon ne bezonis presi en la vortaro.) Oni devas memori, ke ĉiu lingvo servas por esprimi niajn pensojn, sed ne por senpense traduki al aliaj lingvoj; oni devas tial peni esprimadi siajn pensojn per la jam estantaj vortoj kaj kreadi novajn vortojn nur tie, kie ĝi estas efektive necesa, — kaj tiam la vortoj nove kreataj estos nur malofte disĵetitaj inter la multo da vortoj jam konataj kaj povos facile aliĝi al la lingvo kaj riĉigi ĝin ne perdigante ĝian unuformecon.

Tiel danke la unu gramatikon kaj la unu formon de la plej granda parto de l'vortoj, la lingvo internacia havos jam de l'komenco unu formon de ĉiuj uzantaj ĝin. Nur tiuj vortoj, kiuj en la fundamenta vortaro ne estas trovataj, en la unua tempo estos malegale kreataj de malsamaj aŭtoroj. Sed ĉar unue tiaj vortoj estas renkontataj nur disĵetite inter la multo da vortoj jam konstantaj kaj due la nombro de tiaj malegale sonantaj vortoj ankoraŭ pli malgrandiĝos danke la komunan fonton, el kiu la aŭtoroj prenados la novajn vortojn (la plej gravaj eŭropaj lingvoj) — tial tiuj »novaj« vortoj prezentos nenion alian ol provincialismojn de la unu lingvo internacia. Tiaj provincialismoj estis en granda nombro en ĉia alia lingvo, kaj kun la vastiĝado de la skribata literaturo ili komencis perdiĝi. Tio sama estos ankaŭ en la lingvo internacia, sed ĉar la lingvo internacia pli dependas de la volo de l'homoj, ol de aliaj kondiĉoj — tiu proceso de unuformiĝado iros en ĝi multe pli rapide. La vortoj kreitaj malfeliĉe baldaŭ perdiĝos, kaj la vortoj feliĉe kreitaj restos kaj eniros en la lingvon; la vortoj egale feliĉe kreitaj sed malegale sonantaj — kelkan tempon batalos inter si kiel sinonimoj, sed jam post mallonga tempo ni vidos, ke unu el tiuj formoj estas uzata pli ofte kaj de pli granda parto de verkantoj, ol ĉiuj aliaj formoj, — kaj baldaŭ la unua formo elpuŝos ĉiujn ceterajn formojn, kiuj post kelka tempo simple mortos de neuzado. Tiel ju pli energie vastiĝos kaj riĉiĝos la literaturo de la lingvo internacia, des pli baldaŭ ni havos unuforman, pli malpli plenan vortaron.

Tiuj, kiuj volas labori super la lingvo internacia, skribi verkojn en tiu lingvo etc. — povas nun diri kuraĝe, ke ili havas en la manoj plenan vortaron; ĉar povante ĉiam ankoraŭ ne kreitan vorton krei laŭ sia plaĉo, anstataŭ atendi, ĝis mi ĝin kreos, ili povas nun esprimi en la lingvo internacia ĉion, kion ili volas. Tio ĉi estus ne ebla en la okazo, se mi volus mem eldoni plenajn vortarojn; ĉar kiom ajn mi laborus, ĉiam danke la senfinecon de la homa vortaro restus ankoraŭ multego da vortoj ne kreitaj, kaj tiuj, kiuj devus ilin uzi, ne scius kion fari, ĉar krei ilin mem estus ne permesite.

— — — — — — — — — —

Multaj kredeble estos malkontentaj, ke mi ne volas eldoni persone plenan aŭtoritatan vortaron, kiun ĉiuj devas obei. La amaso amas, ke oni donu al ĝi leĝojn, ke oni donu al ĝi ne bonan sed tute pretan, — kaj la vojon, kiun mi proponas, multaj nomos tre malrapida. Se mi ne eldonas mem vortarojn pli plenajn, sed lasas ilian kreadon al publiko, mi ĝin faras ne pro maldiligento; sufiĉe plena vortaro jam estas preta ĉe mi, kaj mi povus eldoni ĝin eĉ tuj, kaj se ĝi eĉ ne estus preta, la leganto komprenos, ke ĝi estas tute ne malfacila por mi, krei ĉiutage certan nombron de vortoj kaj eldonadi paŝo post paŝo vortarojn ĉiam pli plenajn. Por mi kompreneble estus multe pli oportune teni la sorton de l'lingvo internacia en miaj manoj. Tial, mi esperas, la leganto komprenos, ke kreinte la fundamenton de l'lingvo mi nun deponas de mi tutan aŭtoritaton nur tial, ke mi profunde kredas, ke tion postulas intereso de l'afero. La tempo, mi esperas, montros, ke mi ne eraris. Sed se la estonteco eĉ montros, ke mi eraris kaj ke plena vortaro devas esti kreata de unu presono, la leganto ne forgesu, ke mi povas ĝin fari ankaŭ poste! Sed mi faros ĝin nur tiam, se la tempo montros, ke ĝi estas efektive necesa. Nun mi laborados, mi skribados verkojn, mi kreados vortojn, — sed ĉion kiel privata amiko de l'lingvo internacia, kaj ĉiu povas ĝin fari kun la egala kompetenteco.

Antaŭparolo el: Aldono al la »Dua Libro de l'lingvo Internacia«, aperinta en 1889 ĉe Kelter en Varsovio.

**Ironioj el malnova Ĉinio:**

1. Ŝteli ion bagatelan - senkapigu laŭ leĝo!
   Ŝteli la ŝtaton tutan - hura, glora reĝo!
2. Silentas pelvo unu
   kaj tintas pelvoj du.
3. Bele skribas la saĝulo,
   malsatmortas en domangulo.
4. Pri malriĉulo ne zorgas eĉ la proksima najbaro,
   kaj al riĉulo troviĝas parencoj en profunda montaro.
5. Mem la riveron transiris,
   tuj la ponteton fortiris.
6. Rideto sur viazaĝo amasiĝas,
   vipero en koro volviĝas.
7. Kiu ĉifonaĵon portas,
   tiun la hundo mordas.

Tradukis Ly Moje.
»El popola Ĉinio«, novembro 1950.

Všimněte si, jak obratně užívá čínský překladatel jazyka a jak jsou přirozené jeho rýmy.

Vychází měsíčně (12krát do roka). Majitel, vydavatel a nakladatel Svaz esperantistů ČSR v Praze II, Malá Štěpánská 7. Odpovědný zástupce listu Dr. Stan. Kamarýt. Členům Svazu zdarma. Členský příspěvek 100 Kčs. Účet pošt. spoř. 9.602. Tiskne Orbis, n. p., závod 6, Praha XVI, Plzeňská 66. Účast na poštovní novinové službě povolena řed. pošt v Praze č. j. IA-Gre-2372 OB-48. Dohlédací poštovní úřad Praha 022.